XXXIII-a Jaro — N-ro 445-446 — 25 Julio 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio

# La Jubileo de nia lingvo kaj la estonteco de nia agado

## La senco de l' jubileo

Kian sencon havas la Festo de l' 50-a datreveno de l'apero de nia lingvo por ni ? Ĉu ĝi estas nur bonvena riĉigo de programoj por eksterordinaraj societ-kunvenoj, aŭ dankinda temo por redaktoroj, aŭ ĉu ĝi havas por ni sencon pli profundan ol momenta okazaĵo. Ni opinias jes : la jubileo estas por ni okazaĵo plej signifa, kvankam ne sufiĉe konsciata. Ĝi estas mejloŝtono en la evoluo de nia lingvo kaj de nia penado. Kaj ĝi koincidas kun okazaĵoj plej gravaj en la mondo kaj en la movado.

## Rerigardo

Ni ĵetu rigardon malantaŭ nin por konstati la vojon trapasitan. La aŭtoro de la lingvo havis du ecojn, pri kiuj ni devas envii lin : nevenkebla fido en la boneco de l'ideo kaj obstina persisteco en la klopodado. Kun supera rideto eble, rigardas propagandisto hodiaŭa la foliojn akompanintajn la « Unuan Libron » kun teksto enkadrita :

---

Promeso.

Mi, subskribita, promesas ellerni la proponitan de D-ro Esperanto lingvon internacian, se estos montrita, ke dek milionoj personoj donis publike tian saman promeson.

---

La 10.000.000 da subskriboj ne venis kaj D-ro Zamenhof ne bezonis pruvi ilin ! Kelkaj lernis tuj, ne promesante, sed agante. Kaj el tiuj kelkaj lernintoj de l'unuaj jaroj kreskis tio, kion ni vidas hodiaŭ : movado enradikiĝinta kaj etendiĝinta. Esperanto formas hodiaŭ ne forigeblan parton de l'intelekta vivo tuthomara, tiel ke eĉ malpermesoj ne povos plu malaperigi ĝin.

Kiu el ni havas saman forton de karaktero por elteni, kian havis D-ro Zamenhof ?

Esperanto ekzistas ! Jen fakto nefordisputebla. Miloj da pruvoj, atentinda literaturo, lernolibroj en okdek lingvoj, kreskanta uzado kaj eĉ ..... disputanta popolo, ĉio tio estas elokventaj atestantoj. Kiu okulojn havas por vidi, tiu vidu !

## Interna stato

La ekstera stato de nia afero sin prezentas kontentiga. Paralele de la politike neŭtrala movado fortiĝis la klasbatala Esperanto-movado. La interna stato de ambaŭ formaĵoj, neŭtrala kiel klasbatala, estas plej malkontentiga. Postuli unuecon estas krio en la dezerto. Ambaŭ partoj de l' movado suferas je internaj bataloj, kiuj, se oni analizas ĉion ĝisfunde, similas en la origino kiel ovo al alia. Estas du principoj, kies defendantoj ne povas trovi bazon de interkonsento aŭ minimume aranĝon, do ian « Modus vivendi ».

Jen la kerno de l' tuta problemo. La kulpigoj estas la neeviteblaj akompanaĵoj, ne-interesaj sed ŝajne bezonataj por argumenti pli forte.

Disrompo de atingita unueco kaj forlaso de l' afero flanke de naŭzigitaj adeptoj, tio estas la sekvoj el konflikto.

El multaj korespondaĵoj estas videbla la malkontenteco de l' esperantistoj pri ĉio-ĉi. Ĝin esprimas proksimume la jena letero, ricevita dum ĉi-tiuj tagoj :

**Hungara Esperanto Pedagogia Asocio**

Budapest, la 3-an de Julio, 1937.

Estimata Sinjoro Prezidanto !

La ĉi jara jarkunveno de la Hungara Esperanto Pedagogia Asocio, okazinta la 2-an de Majo 1937, akceptis la proponon de sia ano : *Török* Béla el Békés, laŭ kiu la prezidantaro de la Asocio faru ĉian eblon, « por ke ĉesu la dissiĝo kaj disharmonio inter UEA kaj IEL kaj la du mondasocioj reunuiĝu plej malfrue ĝis la jubilea mondkongreso en Varsovio ».

Subskribita prezidantaro bone scias, ke nia voĉo kaj povo estas tro malforta por efektivigi tiun reunuiĝon, deziratan de ĉiuj esperantistoj. Ni tamen sentas la devon sciigi samtempe kaj samtekste ambaŭ mondasociojn pri tiu deziro, akceptita ĉe nia jarkunveno, atentigante, ke tiu disharmonio jam ankaŭ ĝis nun faris malbonegan servon al la Esperantismo. Eĉ estis anoj de nia propra asocio kiuj eksiĝis, ne nur el la asocio, sed ankaŭ el la esp. movado, dirante ke ili trompiĝis en la paciga kaj harmoniiga ideo de Esperanto, se ankaŭ mem la adeptoj de la lingvo malpaciĝas inter si mem. — Ni legis la polemikon en « Esperanto » kaj en « Heroldo de Esperanto » kaj neniel estas konvinkitaj pri la neceso de disiĝo. Sed tio estas certa, ke polemiko pri la pasintaĵoj, precipe pri personaĵoj ne solvos la problemon, sed nur faros pli profunda la abismon de la disiĝo. Kvankam la Hungara Esperanto Federacio, — kies ano estas ankaŭ la Hungara Esperanto Pedagogia Asocio — aliĝis al Internacia Esperanto Ligo, ĉar en ties programo ni vidas pli esperigan antaŭenigon de la Esperanto-Movado, ni senpartie alvokas la gvidantojn de ambaŭ mondasocioj, trovu kiel eble plej baldaŭ la bazon por reunuiĝo, ke estu nur unusola la centro kaj unu jarlibro kompleta. Se pro juraj aferoj tio ne estus ebla dum unu jaro, almenaŭ ĝis la fina reunuiĝo estu frata kunlaboro inter la du asocioj kaj *la sekvonta jarlibro estu komuna.*

En la espero, ke en la jubilea kongreso efektiviĝas la interpaciĝo je granda ĝojo de la tutmondaj esperantistoj, estu samideane salutata.

Alfonz Pechan, *Ĉefsekretario.* — K. Kalocsay, *Prezidano.*

Adreso ĉe ĉefsekretario : Alfonz Pechan, profesoro, Budapest, II. Herman ut 18.

---

## Ĉu milito, ĉu paco ?

Legante ĉion pri la disrompo de la movado, senpartia eksterulo vere miras pri la kaŭzo de la konflikto. Ĝi ŝajnas sensignifa, simple solvebla, se submetiĝus ĉiuj al sola gvidideo : la bono de l' movado.

Ni konstatu malkaŝe, ke atingi centprocentan unuecon de l' neŭtrala Esperanto-Movado, ni opinias neeble, vidante la sperton faritan pri « Interkonsento » solene subskribita !

La minimumo atingebla estas ĉesigi la surpaperan militon, la polemikadon pri pasintaĵoj. Necesa ĉefkondiĉo estas klareco pri aro da kulpigoj.

Poste ĉio devos esti diskutata en kunveno de kelkaj personoj, kompetentaj en la materio. Forigante la disputadon pri pasintaĵoj la vojo estos libera por ia aranĝo, kiu estu la bázo de paco. La jubilea kongreso estas la taŭga loko por ekstere marki minimumon, nome : ambaŭ flankan pretecon.

## Estonteco

*La mesaĝon mi bone aŭdis, sed mankas al mi la kredo*, diros eble spertuloj. Tia skeptikeco parte praviĝas, sed ĝi ne pravigas neagon. La nuna stato de l' mondo kaj de la movado postulegas ordigon de la internesperantista situacio. Ĝin UEA akcelas sur la bazo de jam konatigitaj premisoj. Se aranĝo estas trovita, tiam liberiĝas denove fortoj por frukto dona agado. Multon oni ne promesu, sed unu ĉefan celon ni nepre atingu : la pacon interesperantistan konkludatan super la tombo de l' kreinto de nia lingvo, la homo kiu devas esti ekzemplo por ĉiuj en plia trajto lia : toleremo.

Malhela estas la estonteco. Minacas milito. Miloj suferas. Mankas fido je veno de pli bona tempo.

Apartenas al ni nuntempaj esperantistoj, konservi la ardan fajron por ke brilu la flamo de l' Esperantismo, kiam revenos pli bonaj tempoj. Ili revenos, tiuj pli bonaj tempoj tutcerte kaj kun ili ankaŭ bonvolemaj oreloj por aŭskulti nin.

K. M. Liniger.

---

Kaj simile sonas rezolucio farita en Anglujo.

La Nord-Orienta Esperantista Federacio (de Anglujo) kunvenanta ĉe sia Kvaronjara Konferenco en Durham, la 3an de Julio, 1937,

*tre bedaŭrante*

*la disputon inter al I.E.L. kaj la U.E.A., kaj kredante*

*ke valoros ne la venko de unu partio aŭ la alia, sed nur la farita konkordo,*

*petas*

*la Jubilean Kongreson klopodu ĉiumaniere trovi tian konkordon, por ke estu nur unu organizaĵo por la Internacia Movado, kaj ke nepre ne okazu du tiel-nomataj Universalaj Kongresoj samtempe.*

Tiu-ĉi rezolucio estu sendata al la Jubilea Kongreso, la Internacia Esperanto-Ligo, la Universala Esperanto-Asocio kaj la Brita Esperantista Asocio.

---

Post pretigo de l'artikolo supra ni ricevis plian rezolucion samsencan, kiun ni represigas tie-ĉi :

Pollanda Esperanto-Delegitaro priparolinte dum sia komitata kunsido la 10-an de Junio 1937 la situacion de la Esperanto-Movado en la tutmondo kaj konsiderinte :

1) ke unuiĝo de la Landaj Asocioj Esperantistaj estas dezirinda kaj necesa,

2) ke ankaŭ plua ekzisto de Universala Esperanto-Asocio kiel organizaĵo de individuaj Esperantistoj de la tutmondo estas same dezirinda kaj necesa,

3) ke pro bono de la Esperanto-Movado interkonsento inter IEL kaj UEA estas nepre necesa, des pli ke la agadkampoj de ambaŭ ne kontraŭstaras reciproke,

*decidas*

1) aparteni plue al IEL, kiel unuiĝo de Landaj Asocioj Esperantistaj,

2) *rekomendi al la Esperantistoj en Polujo pluan apartenon al UEA* kaj

*turnas sin*

3) al ambaŭ organizaĵoj kun varma alvoko, ke ili antaŭ la Jubilea Kongreso interkonsentu pri formoj de kunagado por ke la JUBILEO de duonjarcenta ekzisto de Esperanto povu esti festata en Varsovio, la ĉefurbo de naskolando de niaj lingvo kaj Majstro, EN ATMOSFERO DE PLENA HARMONIO KAJ VERA SAMIDEANECO.

*Pollanda Esperanto-Delegitaro*

Odo Bujwid, prezidanto.

Komitatanoj : Inĝ. Edward Kostecki ; Dr. Leon Rosenstock, Józef Alfus, Ludwick Kutscher.

Mgr. Tadeusz Hodakowski, Ĝen. Sekr.

Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# Universala Esperanto - Asocio

## Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# Oficiala Raporto



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

pri la agado de

# Universala Esperanto-Asocio

dum la jaro 1936

**28-a jaro de UEA, de 1 Nov. 1935 ĝis 31 Okt. 1936**

**submetata al la XXIX-a Universala Jubilea Kongreso de Esperanto**

**Varsovio 1937**

## Enkonduko

Per la nuna raporto ni reprenas la antaŭan tradicion, raporti pri la pasinta jaro al la kongreso. Dum la Viena kongreso devis esti prezentita tia raporto pri la jaro 1935, sed pro la bone konataj cirkonstancoj, oni ne faris tion. Financa raporto pri 1935 aperis en la Jarlibro 1936.

Pri kio ni raportu ? La jaro 1936 estis plena da internaj disputoj, tiom en la internacia kiom en la nacia Esperanto-Movado. La okazintaĵoj bone restas en la memoro. Ne estas nia deziro reveni al ili, escepte se tion necesigas plua klareco pri certaj detaloj. La nuna raporto do limigas sin al la aferoj absolute necesaj kaj pri kiuj ni povas ion diri. La jaro 1936 estis por tiel diri « *nigra jaro* » en la Esperanto-Movado, jaro kiu rememorigas la tempon dela lingva krizo en 1908. Ekzistas veraĵoj kiuj nur akceptiĝas dank' al batalado. La principoj starigitaj de D-ro Zamenhof kaj evoluitaj de la esperantista popolo per la praktiko, bezonis pli fortan pruvon ol estis la nura uzado. La reformoj de la lingvo, proponitaj brue kaj elokvente, montriĝis netaŭgaj kaj neakceptindaj, ĉar la principa bazo ne estis bona. Simile en la organizo internacia, la reformoj faritaj en 1933-1934 montriĝis bonegaj en la teorio kaj katastrofaj en la praktiko. Sed la pruvon oni devis doni kaj ĉi-tiu pruvo estis unu el la « nigraj » faktoj de la jaro 1936. Kiel en ĉio, disiras la opinioj kaj nur ekzemplo instruas. La ekzemplon ni donas en la raporto nuna kaj esperas, ke la membraro de UEA kiel ankaŭ la esperantista publiko scios konkludi.

## Centra Organizo

Ni ne intencas detale elmontri la situacion de la Centra Organizo de UEA, do de la Estraro kaj de la Komitato. La membroj, kiuj deziras informiĝi pri tio trovas ĉion en diversaj presaĵoj, cirkuleroj kaj en la gazeto ESPERANTO. Pri kelkaj punktoj valoras tamen ankoraŭ fari rimarkojn : La komitato de UEA eksiĝinta en 1936, decidis fari gravajn ŝanĝojn en UEA. Neniu kontestis la rajton de la Komitato *proponi* tiajn ŝanĝojn al la decidantaj povoj, la Delegitoj.

Male al la opinio de la Estraro de UEA, tiu ĉi organizaĵo restis dependa de la volo de l'aktivaj membroj. Kvankam internacia organizaĵo, ĝi estas konstituita laŭ la svisa leĝaro, ĝuas juran personecon. Sekve la Estraro de UEA devis atenti la devigojn, kiuj rezultas el tia situacio.

Kiam estis konita la decido de la komitato de UEA fari ŝanĝojn esencajn en la strukturo de UEA, sen necesa elmontro de la situacio, sen deviga propono al la decidanta povo, kaj kiam, malgraŭ averto en bona formo, la Estraro persistis en sia misvojo, kelkaj membroj de UEA uzis la sole ireblan vojon : *Plendi ĉe neŭtrala instanco, kiu juĝu pri la jura situacio.*

La sekvo estis averto de la tribunalo al la komitato sub formo de malpermeso daŭrigi en tiu ĉi direkto. La oficejo estis lokita sub la observado de tribunala pedelo kaj la havajo de UEA estis blokita.

Anstataŭ iri la sole ireblan vojon, tiun kiun postulis la protestintoj, la Estraro de UEA aranĝis voĉdonon, kiu bazis entute sur neĝustaj premisoj. Necesis elmontri la situacion, akcepti opiniojn de l'alia flanko kaj post ioma atendado, okazigi la voĉdonon. Supozante, ke ĉio, kion asertis la komitato por motivi la ŝanĝon, estis prava kaj vera, tiam neniu estus povinta kontraŭstari la plenumon de la decido. Sed estas precize tie, kie troviĝas la granda erarigo.

Kio sekvis estis kvazaŭ filmo. Voĉdono pri statutteksto *jure senvalora,* sekve ne akceptebla de konscia membro. Obeante al prezidanta deziro kun minaco, la bonvolaj delegitoj skribis je plimulto "jes" kaj aldonis pense *Amen,* por havi pacon. Vidante tiun malrespekton al tradicio kaj kutimo, la protestintoj formulis duan plendon.

La dua plendo, same kiel la unua, celis devigi la Estraron de UEA sekvi ordan vojon. Ne volante aŭ ne povante plu reiri ĝis la komenco, la komitatanoj kunvenintaj en Vieno dum la kongreso, decidis provi aranĝon kun la protestintoj en Genève. Ni ripetu, ke la proponoj faritaj ne povis kontentigi la protestintojn, ekzemple ia aranĝo pri la Biblioteko (kvazaŭ la protestintoj en Genève celis interŝanĝi rajton kontraŭ objekto), ia divido de la proceskostoj kaj reciproka certigo esti aginta bonfide. Tion la protestintoj ne akceptis, sed postulis kiel antaŭe ordan pritrakton de la tuta problemo. Okaze de rifuzo, la dek komitatanoj en Vieno kunvenintaj decidis *forlasi* la tuton, *transdoni* la ŝlosilojn al la ĝenevanoj kaj *fondi* novan organizajon kun sido en Londono.

Tiu ĉi grava decido ne estis submetita al la tuta komitato sub formo de propono kaj privoĉdonita.

Hezite la ĝenevanoj akceptis la ŝlosilojn Por povi agadi, formiĝis Provizora Komitato de UEA, kiu gvidu la laborojn ĝis laŭregula elekto estos ebla. La tuta situacio tiam (dum Oktobro 1936) aperis tiom konfuza, ke necesis bone atenti por ne riski malagrablajn surprizojn.

La Provizora Komitato de tiam kunvenis preskaŭ ĉiumonate en la Centra Oficejo. Por certigi la kurantajn laborojn la Provizora Komitato dungis kiel Administranton la antaŭan direktoron, Hans Jakob, kun agadplano fiksita de ĝi, en la kadro de la tasko kiun difinis al si la Provizora Komitato.

Sekve de la erarigaj informoj pri UEA, la plimulto de la Delegitoj transiris al la nova Ligo. Tio malfaciligis tujan restarigon de agadpova komitato, kaj elekto de oficeja direktoro. Diversaj aliaj laboroj postulis, ke la Provizora Komitato finu ilin, transdononte al la regula nova komitato de UEA — *glatan tablon.*

Jen tiel prezentiĝas la situacio de la Centra Organizo, Komitato, Estraro kaj poste Provizora Komitato.

Bazante sur artikolo de la Svisa leĝaro, la diversaj institucioj kun kiuj laboras UEA rekonis la novajn agantojn.

La Provizora Komitato decidis pri pluraj aferoj traktotaj en tiu ĉi raporto.

* * *

## Financoj

La financoj de UEA je la fino de l'administra jaro 1936 plimalboniĝis kontraŭ 1935, jaro de grava redukto de ĉio, ĉu de liverajoj al la membroj ĉu de l'ekstera agado. Ni rimarku tie-ĉi ankaŭ, ke la administrado en 1935 profitis larĝe de antaŭe farita fortega amortizo de ĉiuj valoraĵoj, libroj, maŝinoj, mebloj, presaĵoj kaj eĉ de l'kapitalo. La stato de l'Asocio do ne estas brila, sed ankaŭ ne malesperiga, ecoj, kiujn suferas dekoj da internaciaj entreprenoj *sen ŝtata subteno.*

La nun publikigata bilanco estas farita sub *tre grava rezervo,* ĉar *pri certaj postenoj* mankis informoj intence prokrastitaj de l' antaŭa estraro.

### Bilanca Perdo kaj Gajno
### 31-a Oktobro 1936.

| *Rubriko :* | | *Perdo* | *Gajno* |
|---|---|---|---|
| Pago Asocia Kap. | 51.077,10 .. | | |
| Perdo 1934 | 45.921,81 .. | | |
| | .. | | 5.155,29 |
| Oficeja Kapitalo | 5.155,29 .. | | |
| Perdo 1936 ........ | | 10.419,37 | |
| Amortizo Konthav. ........ | | 206,40 | |
| Eraro-egaligo el 1935–36 ........ | | 262,30 | |
| Malcertaj debitoroj ........ | | 111,40 | |
| Bilanca perdo de l' jaro ........ | | | 5.844,18 |
| | | 10.999,47 | 10.999,47 |

Perdo transportita al nova jarkalkulo 5.844,18

### Ferma Bilanco 1936
### 28-a Administa Jaro de UEA
### de l'1-a Nov. 1935 ĝis 31-a Oktobro 1936

| *Rubrikoj :* | *Aktivoj* | *Pasivoj* |
|---|---|---|
| Kaso ........ | 163,85 | |
| Svisa postĉeko ........ | 562,07 | |
| Bankoj ........ | 5.435,54 | |
| Fremda mono ........ | 25,35 | |
| Disponebla mono ........ | 6.186,81 | |
| Fremdaj poŝtĉekoj ........ | 3.491,66 | |
| Varoj (libroj, insignoj) ........ | 1.059,78 | |
| Masinoj k. mebloj ........ | 2.350.— | |
| Konthavantoj kiuj ŝuldas ........ | 8.308,95 | |
| Debitoroj komercaj ........ | 533,48 | |
| Konthavantoj kiuj bonhavas ... | | 17.518,72 |
| Liverantoj ........ | | 4.144,24 |
| Respondkuponoj ........ | | 988,20 |
| Rezervoj 1.524,70 / 442,40 ........ | | 1.967,10 |
| Ne-enskr. fakturoj 1936 ........ | | 2.554.— |
| Antaŭpago kotizoj ........ | | 22,50 |
| Oficeja kapitalo 51.077,10 / 45.921,81 ........ | | 5.155,29 |
| | 21.930,68 | 32,350,05 |
| Jara perdo en Adm. Konto ... | 10.419,37 | |
| | 32.350,05 | 32.350,05 |

### Bilanco 1936. Administra konto de UEA
### 1 Nov. 1935 ĝis 31 Okt. 1936
### Elspezoj

| *Rubriko :* | |
|---|---|
| Oficejo : Luo, hejto, purigado ........ | 4.713,80 |
| Salajroj ........ | 16.110,50 |
| Gazeto « Esperanto » ........ | 7.080.40 |
| Jarlibro kun sendo ........ | 2.778,70 |
| Materialo ........ | 717,20 |
| Asekuroj ........ | 306,60 |
| Presaĵoj ........ | 983,05 |
| Afranko Centra Oficejo ........ | 1.470,60 |
| » Ter. Ofic. ........ | 89,55 |
| Premioj ........ | 706,65 |
| Tel. Tel. Dogano ........ | 496,00 |
| Vojaĝelspezoj ........ | 1.311,20 |
| Rentumoj ........ | 86,00 |
| Translokiĝo ........ | 405,70 |
| Biblioteko ........ | 8,55 |
| Div. elspezoj : (1) ........ | 397,75 |
| » (2) ........ | 649,70 |
| Sumo de l' elspezoj Fsv. ........ | 38.311,95 |

### Enspezoj

| *Rubriko :* | |
|---|---|
| Kotizoj { 1.563 M J, 1.687 M A, 172 M S — 3.422 aktivaj } ........ | 21.815,91 |
| Simplaj Membroj 10.065 ........ | 4.695,28 |
| Abonoj ........ | 111,65 |
| Entreprenoj ........ | 153,45 |
| Anoncoj-gazeto ........ | 190,42 |
| Anoncoj-jarlibro ........ | 209,32 |
| Patronaro ........ | 628,00 |
| Donacoj ........ | 88,55 |
| | 27.892,58 |
| Jara perdo en Adm. Kto. ........ | 10.419,37 |
| | 38.311,95 |

### Klarigoj
### pri la Provizora Bilanco 1936

*Ferma bilanco:* La Bilanca sumo

| | | |
|---|---|---|
| atingas ........ | 32.350,05 | Frk, |
| kio estas kontraŭ tiu de 1935 kun ........ | 27.856,05 | » |
| kresko de ........ | 4.494,00 | » |

Tiu-ĉi kresko devenas el internaj ŝanĝoj.

*Disponebla mono:* Ĝi iom kreskis kompare al 1935. Pro la parta neebleco disponi pri mono en eksterlando,

sekve de leĝaj cirkonstancoj, la sumoj sub fremdaj poŝtĉekoj ne povas esti konsiderataj kiel disponeblaj.

*Varkontoj:* Tiu ĉi konto, ekstreme malaltigita de la antaŭa Estraro montras malkreskon pro vendoj kaj pro laŭregula debitigo por liveritaj premioj.

*Konthavantoj:* Estas du specoj, tiaj al kiuj ŝuldas la Asocio, kaj la aliaj, kiuj ŝuldas al ĝi. Por bone ekkoni tion, la nuna bilanco ne montras la saldon inter ambaŭ, sed kio estas korekta, la du ciferojn : 17.518,72 Frk. ŝuldatajn de UEA, kaj 8.308,95 kiujn oni ŝuldas al ĝi. Pri aro da negocoj ne regis klareco (kion ni ne riproĉas al la estinta komitato, sed al la karaktero de la agado) kaj kiuj postulas antaŭgardon.

*Oficeja kapitalo:* Tio estas novaĵo. Nome en 1934 ĝis 1936 la Administranto de la Kapitalo pagis la sumon de .......... 51.077,10 Frk. al la Centra Kaso. La perdego de l'jaro 1934 kun 50.011,43 malaltiĝis al ..... 45.921,81 » kaj la saldo inter tiuj du sumoj ........ 5.155,29 » formas la laborkapitalon de la Centra Kaso dum 1936. Tiel regas nun plia klareco. Ni rimarku, ke inter tiuj deprenoj el la Kapitalo troviĝas gravega sumo, pri kies uzo respondecas la Estraro eksiĝinta subite en 1936.

*Liverantoj:* Frk. 4.144.24. Ĉefe presisto Granchamp, en Annemasse, al kiu UEA ŝuldis dum monatoj (tute same kiel tio okazis al la antaŭaj gvidintoj de UEA). Ni ne riproĉas tion, ni nur konstatas kaj tion kun sento de kontentigo, ĉar ankaŭ la Post-Stokholma Estraro ne trovis rimedon, ĝustatempe disponi je mono bezonata.

*Respondkuponoj:* Frk. 988,20. Estas la enlibra ŝuldo de UEA al personoj, posedantaj respondkuponojn. Ĝi entenas la gajnon el tiu ĉi servo dum ses jaroj, sekve apartenas je la fino de la negoca jaro 1937 al UEA. Male al ies opinio, la kontraŭvaloro ekzistas. Necesas nur iom da kono pri librotenado kaj ioma bonvolo por esplori ĝisfunde aferon, se simpla pripenso ne sufiĉas.

*Rezervoj:* Ili klariĝas el si mem. Formataj el malgrandaj profitoj enlibraj, kurzgajnoj, servoj ktp. ĝi servas por antaŭvidebla perdo en iuj kontoj, pri kiuj ni raportas nur en jaro 1937, ĉar la diskutoj kun ŝuldantoj pri ili ankoraŭ ne finis. (Sumo 1.967,10.)

La rezervo de 2.554 Frk. estas kiel montrite por fakturoj ricevitaj nur post la bilanco. Ili egaliĝas do dum 1937.

*Ĝenerala rimarko:* Se oni observas la ŝuldojn de la Asocio Konthavantojn kaj liverantojn, (kune 21.662,96) kaj la sumon de Aktivoj kun 21.930,68 la stato ne estas malbona. Sisteme la Provizora Komitato provis egaligi ŝuldojn per bonhavoj en landoj, de kie mono ne estas venigebla. Ni povas raporti pri sukcesoj tiurilate, tiel ke la inter-bilancoj, prezentitaj ĉiumonate al la kunvenoj de la Provizora Komitato, montris jam ŝatindan ŝanĝon.

Tiom pri la Ferma bilanco provizora. Utilas ankaŭ kelkaj klarigoj pri la konto de

*Perdo-Gajno:* La perdo de la jaro en Administra konto atingis 10.419,37 (ni rimarku, ke dum Oktobro 1936, kiam la Provizora Komitato decidis restarigi la Asocion), ne estis gravaj elspezoj en Genève. Valoras ankaŭ aldoni, ke la oficistoj laboris dum kelkaj monatoj je tre malalta salajro por savi la Asocion.

La jaro 1936 do finis kun Bilanca perdo de 5.844,18, egaligota dum venontaj jaroj. Necesas atentigi plie, ke la oficeja kapitalo, monrezervo el la Kapitalo estas foruzita.

Ĉio dirita pri la bilanco plene konfirmas la antaŭdirajon de la mortinta Direktoro Robert Kreuz : *Ni povos publikigi jarlibron en 1936 nur, se niaj enspezoj tre senteble plialtiĝos*[1].

UEA publikigis jarlibron kaj plenumis tion kion ĝi devis. La enspezoj kontraŭe malkreskis kaj fariĝis grava deficito.

Kaj la estinta Prezidanto de UEA aldonis tiam : *Sed la enspezoj ne plialtiĝis*[1]. Ni vidos poste kiel malkreskis la enspezoj, kaj kio estas la kaŭzo de tiu ĉi malkresko.

---

*En — kaj elspezoj de UEA* 1936*:* La enspezoj de la jaro 1935 (atentu ne 1936) estis ankoraŭ 41.141,96 Frk.

| | |
|---|---|
| Tiuj de 1936 senteble malaltiĝis, nome al nur ........ | 27.892,58 » |
| Sekve la malkresko kontraŭ 1935 atingis la fortan sumon de ........ | 13.249,38 » |
| Tiu ĉi malpliiĝo estas ŝuldata al la malpliiĝo de la aktivaj membroj kiuj pagis en 1935 ankoraŭ ........ | 26.474,69 » |
| dume en 1936 estis nur 3.422 aktivaj membroj kiuj pagis kune ........ | 21.815,91 » |
| kio rezultigis malpli-enspezon de ..... | 5.658,78 » |

Malkreskis ankaŭ la nombro de la simplaj membroj (1935 : 4.970,30 ; 1936 : 4.695,28). Sekve malpli Frk. 275,02 plie mankas la pago de la Viena kongreso kies sumon ni ne precize konas dum verkado de la raporto. Ĉiuj rubrikoj en la enspezoj 1936 malaltiĝis, pruvo de du faktoj : Nesufiĉa varbado flanke de la Landaj Asocioj (aŭ de iuj el ili) kaj la persisto de la ĝenerala krizo.

[1] ESPERANTO N-ro 427, p.35, Marto 1936.

Analizante la elspezojn oni povas diri, ke ili restis en la limoj de tiuj en jaro 1935 (38.952,38). Ili estas preskaŭ identaj (1936 : 38.311,95). Ion specialan ni ne bezonas diri pri la elspezoj, ili restis en la kadro de la agado tre limigita jam.

Pruviĝas unu plian fojon, ke la kotizoj ne sufiĉas por vivteni la Asocion, por egaligi la elspezojn per la enspezoj el kotizoj. En jaro 1935 tio okazis la unuan fojon, sed nur dank' al penado kiun oni povus nomi « genia » se tiu ĉi penado ne estus rezulto de artifiko tro lerta por esti daŭrigebla. Tion mem ja diris la tiama Direktoro ĉe la fino de sia raporto : « La gajno rezultis el ŝparoj (ekz. eldono de suplemento al la Jarlibro 1934) ne efektivigeblaj en estontaj jaroj. (Raporto en Jarlibro 1936.) Li forgesis aldoni : Kaj dank' al amortizoj perfortaj, efektivigitaj en 1934 grandigante supermezure la tiaman deficiton, kaj kio lasis materialon, provizojn kaj librojn je ridinde malalta prezo.

---

### Fundo de ŝlosiloj
### (Aparta bankkonto)

| | | |
|---|---|---|
| Stato laŭ lasta raporto (Romo, p. 14) | 4.347,65 | |
| Subteno por baska ŝlosilo (1936) . | | 75.— |
| Diversaj enspezoj, donacoj ....... | 64,80 | |
| Saldo : Havo de la Fundo je 31 Okt. 1936 ........................ | | 4.337,45 |
| | 4.412,45 | 4.412,45 |
| Bonhavo je la 31 Oktobro 1936 .. | 4.337,45 | |

### Propaganda Fundo
### (Aparta bankkonto)

| | | |
|---|---|---|
| Bonhavo laŭ raporto, Romo, p. 14 | 3.774.— | |
| Enspezoj .................... | 9,10 | |
| Saldo je la 31-a de Oktobro 1936 .. | | 3.783,10 |
| frk. sv. | 3.783,10 | 3.783,10 |
| Bonhavo de tiu ĉi Fundo : 31.X.1936 | 3.783,10 | |

*Rimarko:* La kalkulo de la jaraj rentumoj okazis nur dum Januaro 1937. Ili sekve aperos nur en la raporto pri jaro 1937.

---

## Statistiko laulanda de la Membraro de UEA en 1935

Mallongigoj : MJ = Membro-Jarlibro ; MS = Membro-Subtenanto ; DM = Dumviva - Membro ; M-H = Membro Honora ; P=Patrono ; SM=Simpla-Membro.

| Landoj : | MJ | MA | MS | DM | MH | P | Sumo : | Simplaj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Albanio | | 1 | | | | | 1 | |
| Aŭstrio | 50 | 42 | | 1 | 2 | | 95 | 815 |
| Belgujo | 41 | 80 | 9 | 3 | 1 | | 134 | 264 |
| Britujo | 245 | 190 | 56 | 27 | 7 | 3 | 528 | 1265 |
| Bulgario | 1 | 4 | | 1 | | | 6 | |
| Ĉeĥoslovakio | 171 | 186 | 6 | 2 | 7 | | 372 | 50 |
| Dancigo | | | | | 1 | | 1 | |
| Danujo | 29 | 43 | 1 | 6 | | | 79 | |
| Estonio | 4 | 2 | | 1 | | | 7 | |
| Finnlando | 9 | 11 | | 3 | 1 | | 24 | |
| Francujo | 324 | 221 | 19 | 31 | 16 | | 611 | 3220 |
| Germanujo | 75 | 113 | 11 | 18 | 6 | 1 | 224 | 121 |
| Gibraltaro | | 2 | | | | | 2 | |
| Greklando | 2 | 3 | | 1 | 1 | | 7 | |
| Hispanujo | 43 | 68 | 3 | 7 | 2 | | 123 | 190 |
| Hungarujo | 15 | 33 | | 1 | | | 49 | |
| Irlando | 6 | 1 | | | | | 7 | |
| Islando | | 3 | | | | | 3 | |
| Italujo | 7 | 27 | 3 | 5 | 3 | | 45 | 623 |
| Jugoslavio | 7 | 24 | 1 | | | | 32 | |
| Latvio | 6 | 4 | 1 | 2 | | | 13 | |
| Litovio | 2 | 7 | | | | | 9 | |
| Monako | 4 | | | | | | 4 | |
| Nederlando | 221 | 131 | 24 | 9 | 3 | | 388 | 700 |
| Norvegujo | 2 | 8 | | 4 | 1 | | 15 | 100 |
| Polujo | 18 | 24 | 2 | 3 | 1 | 1 | 49 | 100 |
| Portugalo | 4 | 28 | 1 | 2 | | | 35 | 2 |
| Rumanujo | 29 | 13 | | 2 | | | 44 | |
| Sovet-Unio | 1 | 2 | | 5 | 1 | | 9 | |
| Svedujo | 33 | 94 | 2 | 1 | 1 | | 131 | 2128 |
| Svislando | 43 | 38 | 6 | 13 | 4 | | 104 | 317 |
| Turkujo | | 1 | | 1 | | | 2 | |
| *Eŭropo* | 1392 | 1404 | 145 | 149 | 58 | 5 | 3153 | 9895 |
| Afriko | 15 | 28 | 1 | 3 | 1 | | 48 | |
| Kanado | 2 | 5 | | 3 | | | 10 | |
| Usono | 24 | 77 | 14 | 22 | 3 | 1 | 141 | 70 |
| Centra Ameriko | | 3 | | 2 | | | 5 | |
| Sud-Ameriko | 9 | 27 | 10 | 1 | | | 47 | 100 |
| Azio | 22 | 91 | 4 | 6 | | | 123 | |
| Aŭstralio | 6 | 36 | 1 | 4 | | | 47 | |
| Nov-Zelando | 3 | 20 | | 3 | | | 26 | |
| *Ekster Eŭropo* | 81 | 287 | 30 | 44 | 4 | 1 | 447 | 170 |
| Eŭropo | 1392 | 1404 | 145 | 149 | 58 | 5 | 3153 | 9895 |
| *Ekster Eŭropo* | 81 | 287 | 30 | 44 | 4 | 1 | 447 | 170 |
| Stato 31.10.36 | 1473 | 1691 | 175 | 193 | 62 | 6 | 3600 | 10065 |

Kion diras al ni la supra statistiko ? Nu, ĝi pruvas nigre sur blanke la malsupreniron de la membronombro, jam konstatita en la financoj.

Komparante kun la antaŭa jaro, (1935) ni konstatas, ke ĉiuj kategorioj estas same atingitaj. Utilas vidi la sumojn ankaŭ de la jaro 1934.

| Jaro | HM | MJ | MA | MS | MH | DM | P | Sume | MS |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1934 | 60 | 2627 | 3412 | 381 | 48 | 195 | | 6723 | 9862 |
| 1935 | 14 | 1841 | 2078 | 229 | 53 | 188 | 14 | 4417 | 11815 |
| 1936 | — | 1473 | 1691 | 175 | 62 | 193 | 6 | 3600 | 10065 |

La kresko de la Dumvivaj Membroj estas nur ŝajna. En jaro 1935 oni malĝuste kalkulis. (nomita dumvivaj membroj laŭ malnova sistemo). La nombroj efektiva de la DM (Garantiantoj) je la fino de 1936 estis : 189 plus 4 societoj (svisa, norvega, bostona, sevilja) tute : 193 Garantiantoj.

Apartan situacion okupas nun la germanaj Dumvivaj Membroj. Estis 18, el kiuj kelkaj formale eksigis pro la konata dekreto. Ni rimarkas tie ĉi, ke UEA ne nuligas la rajtojn de tiuj DM pro fremda leĝo. Laŭ la deziro de tiuj personoj, ĝi haltas la sendon de la objektoj por ne kaŭzi domaĝon. Tiel la membrorajtoj ripozas ĝis kreiĝos alia situacio.

## La Servaro de UEA

La ideo de UEA estas servi al la esperantistoj per aranĝoj ĉiaspecaj. Plej konata estas la servoj de la Delegitoj, informpetoj, komercaj servoj, vojaĝoj, k.t.p.

Iam en la pli bonaj tempoj, la Centra Oficejo povis fari statistikon pri tio, interesa materialo por pruvi la utilon de la organizaĵo kaj de la lingvo. Pri interesaj servoj aperis pli detalaj informoj.

La dua speco de la servoj estas tiuj kreitaj de la Centra Oficejo kaj plejparte prizorgataj de ĝi. Kaj estas pri ili, la sekvanta resuma raporto.

## Bibliografia Servo

Ni raportis kutime ĉiujare pri la libroj aperintaj dum pasinta jaro. Ĉi tiun raporton oni forlasis dum 1935 kaj 1936, verŝajne pro manko de tempo.

Ankaŭ tiu ĉi sfero de la agado esperantista sekvis la ĝeneralan tendencon de ŝrumpiĝo kaj de malpliiĝo laŭ nombro. Tiu ĉi konstato malfavora estas egaligita komplete per alia : nome ke inter la aperintaj libroj dum 1934 ĝis 1936 troviĝas veraj perloj kaj ke ĝenerale la kvalito pliboniĝis.

La jena tabelo montras la evoluon de la aperinta literaturo dum sep jaroj t.e. depost 1930 ĝis 1936. Kvankam paĝo de libro malsimilas, la adicio de ĉiuj paĝoj donas ideon pli precizan pri la tutaĵo, dume la dispartigo laŭ amplekso permesas orientiĝi pri la interna konsisto. Plia konstato trudiĝas, ke la etaj broŝuroj inter 17-80 paĝoj da amplekso, formas la grandan plimulton. En la dispartigo la broŝuroj kun malpli ol 16 paĝoj *ne* estas atentataj.

| Jaro | Amplekso laŭ paĝoj | Nombro de libroj | Nombro de verkoj laŭ paĝamplekso — Paĝoj : 17-80 | 81-160 | 161-240 | 241-480 | 481-560 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1930 | 19.930 | 119 | 74 | 28 | 8 | 9 | — |
| 1931 | 12.385 | 138 | 90 | 25 | 11 | 10 | 2 |
| 1932 | 12.555 | 155 | 103 | 39 | 6 | 6 | 1 |
| 1933 | 11.607 | 100 | 53 | 21 | 13 | 11 | 2 |
| 1934 | 9.602 | 79 | 32 | 23 | 11 | 6 | 3 |
| 1935 | 10.081 | 86 | 31 | 20 | 12 | 6 | 2 |
| 1936 | 3.646 | 346 | 22 | 6 | 2 | 2 | 2 |
| Sume | 79.806 | 713 | 405 | 162 | 63 | 50 | 12 |

Resumante la suprajn ciferojn : aperis dum sep jaroj 713 broŝuroj kaj libroj kun suma nombro de 79.806 paĝoj. Konsiderante, ke mankas en tiu-ĉi statistiko kelkaj libroj oni povas diri : aperis inter 1930 ĝis 1936 ĉ. 720 libroj kaj broŝuroj kun ĉ. 80.000 paĝoj kune.

La klasigo de l' libroj laŭ fakoj donas jenan bildon.

| Fako aŭ klaso | Nombro de verkoj aperintaj en la jaroj: 1930 | 1931 | 1932 | 1933 | 1934 | 1935 | 1936 | Sumoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. Instruado .... | 40 | 46 | 59 | 32 | 15 | 29 | 10 | 231 |
| 2. Literaturo (Beletristriko) .... | 33 | 36 | 48 | 37 | 34 | 22 | 15 | 225 |
| 3. Scienco-Tekniko | 28 | 38 | 30 | 19 | 11 | 12 | 7 | 145 |
| 4. E-Movado .... | 9 | 5 | 5 | 12 | 8 | 11 | 3 | 53 |
| 5. Diversaj ..... | 9 | 13 | 13 | — | 11 | 12 | 1 | 59 |
| Sumoj de l' verkoj aperintaj ..... | 119 | 138 | 155 | 100 | 79 | 86 | 36 | 713 |

Plej atentindaj libroj beletristikaj aperintaj en la jaroj 1934 ĝis 1936 estas :

*Odusseias de Homeros.*
*Jimmie Higgins*, de Upton Sinclair.
*Blua sango*, de Willy Wood.
*Kun pafilo kaj libro*, de Isbaĥ.
*Infanoj en Torento*, de Stellan Engholm.
*Arthistorio*, de Anton Hekler.
*Romano pri Afrika Bieno*, de O. Schreiner.
*La vivo de nia Sinjoro Jesuo*, de Ch. Dickens.
*Gösta Berling*, de Selma Lagerlöf.
*Julio Cezaro*, de Marko Jelušić.
*Sveda Antologio*, Unua parto.

Tio estas dekunu verkoj vere rimarkindaj, tiel pro enhavo kiel pro ekstera aspekto. Kaj ili aperis en malsamaj landoj, Svedujo, Nederlando, Hungarujo, Francujo kaj Britujo, vere internacia kolekto. En jaro 1933 ni citis 7 rimarkindajn librojn beletristikajn. En 1934 aperis do 11.

La jaro 1935 jam estas malpli donacema. Valoras citi kiel plej atentindan aperaĵojn :

*Auli*, rakonto pri knabeto, de H. Adamson.
*La Morea perlo*, de D. Simon.
*Sveda Antologio*, dua volumo.

*Sur sanga tero*, de Julio Baghy.
*Sango kaj Sablo*, de Blasco Ibanez.
*Riĉa kaj sen mono*, de Phillip Oppenheim.
*La Ora Ŝtuparo*, de Phillip Oppenheim.
*Tri homoj en boato*, de Jerome K. Jerome.

---

Videblan malprogreson montras la jaro 1936, kio esprimiĝas jam en la nombro de la aperintaj libroj. Citindaj beletristikaĵoj estas :

kaj O. Ginz.
*Petrolo*, romano, de Upton Sinclair.
*Hindo rigardas Svedlandon*, de L. Sinha.
*Romano de San Michele*, de Axel Munthe.

La kolekto de sciencaj verkoj en nia lingvo riĉiĝis per kelkaj veraj juveloj. Ekzemple :

*Filozofia Vortaro*, kompilita de D-ro St. Kamaryt. (Vortaro kun difinoj, praktika formato, klara preso.)
*Fine mi komprenas la Radion*, de Aisberg.
(Verko aparte interesa pro ĝia klareco kaj pro la fakto ke laŭ ĝi aperis nacilingvaj tradukoj.)

* *

*Skizo pri filozofio*, de Paul Gilles.
*La Kirgizoj*, de P.-L. Smirnov.
(Etnografia studo. Konciza, tamen valora.)

* *

*Mia vojaĝo en Sovetio*, de Antoni Slonimski.
*La Juda Ŝtato*, laŭ D-ro Th. Herzl.
(La plej bona libro por informiĝi pri la cionismo.)

* *

*La vivo de Arnaldo*, de Benito Mussolini.
(Viv-priskribo de la frato de l' Itala diktatoro.)

* *

*Marŝalo Jozef Pilsudski*.
(Biografio pri la pola ŝtatgvidinto.)

* *

*Interpopola Konduto*, de Edmond Privat.
(Traduko de multe legata verko « Le Choc des Patriotismes ».)

* *

*Pri la iamaj Tasmanianoj*.
(Studo pri tiu ĉi malaperinta gento.)

* *

*Konturoj de la Lingvo-normigo en la Tekniko*.
(Verko de D-ro Inĝ. Wüster.)

* *

*La homaj rasoj de la mondo*.
(Kompilis Rolf Nordenstreng; sveda eldonaĵo.)

Plej altan sumon de aperintaj verkoj montras tiuj pri instruado de Esperanto. En la antaŭa klasigo, la fako — Instruado — entenas ĉion, lernolibrojn, vortarojn kaj studojn pri Esperanto, escepte tiajn pri temoj specialaj, ekzemple teknikaj vortaroj.

Ni vidu unue la lernolibrojn aperintajn.

*En latina lingvo:* « Cursus Completus Esperanti ». Kompilita de Jacobus Bianchini, malnova bone konata samideano en la Friula regiono.

*En dana lingvo:* « Moderne Esperanto-Kursus». (Laŭ D-ro Szilagyi Ferenc.)

*En norvega lingvo:* « Systematisk Kursus i Esperanto ». Norvega alfaro de lernolibro, verkita de Henrik Seppik kaj Ernfrid Malmgren.

*En sveda lingvo:* « Kort Lärobok i Esperanto ». (Verkis Karl Fröding : aperinta en Ameriko.)

*En ĉeĥa lingvo:* « Esperanto Dopisovatel ». (Verkis F-ino Julie Supichova.)

*En germana lingvo:* « Freude durch Esperanto ». (Verkita de Kortega Konsilisto Hugo Steiner.)

*En friula lingvo:* « Gramatiche vocabulari ed Esercicis di lenghe Esperanto ». (Verkita de D-ro Ellini.

*En nederlanda lingvo:* Nia lernolibro voor de internationale Taal.

*En Esperanto:* « Internacia gramatiko de Esperanto ». (Eldonaĵo de Laborista Federacio Esperantista.)

*En Esperanto:* « Internacia gramatiko de Esperanto ». (Verkis Leopold Kitzler, aperinta ĉe « Heroldo de Esperanto ».)

« Plena gramatiko de Esperanto ». (De K. Kalocsay kaj G. Waringhien.)

« Ilustrita Lernolibro de Esperanto por praktika komenca kurso ». (Verkis Delfi Dalamu.)

La eldono de grandaj vortaroj ankaŭ montras ŝatindan pliriĉiĝon. La *Plena Vortaro* kiun eldonis la Sennacieca Asocio Tutmonda aperis duan fojon, plej bona pruvo de sukceso. Vortaroj nacilingvaj aperis :

*Serb-kroata:* « Rečnik Esperanto Serps-hrvatski ». (Kompilis Stevan Zivanović.)

*Hispana:* « Esperanto Hispan-amerika vortaro ». (Kompilis Jesus Amaya.)

*Japana:* « Nova Vortaro Japana Esperanto ». (824 paĝ. Laŭ preso kaj formato nuntempe la plej montrinda dokumento pri Esperanto-Agado.)

*Sveda:* « Svensk-Esperantisk Ordbok ». (Kompilis S. O. Jansson, K. Lindén, B. Gerdman.)

*Rusa:* « Russko-Esperantskij Slovar ». (Kompilis G. N. Tupicin. Aperis en Riga, Latvio.)

*Portugala:* « Dicionario Portuguez-Esperanto ». (Kompilis D-ro Couto Fernandez kaj Carlos Dominguez : Aperis en Brazilo.)

*Litova:* « Pilnas Esperanto-Lietuviu K. Zodynas ». (Kompilis : B. Giedra.)

Por konatiĝi kun la movado kaj la homoj agantaj, servas du verkoj. Serioza la unua, ŝerca la dua. Ni celas per tio la gravan eldonaĵon « Enciklopedio de Esperanto » kaj la « El la Verda Biblio ». Ambaŭ eldonaĵoj, tiom malsimilaj unu al alia, estas veraj produktaĵoj de la movado.

Konkludante oni rajtas diri, ke malgraŭ la krizo ekstera kaj interna, la vivo daŭras. Se multaj samideanoj hodiaŭ staras flanke de la movado, tedigataj de la senĉesaj disputoj ili trovas kompenson, akirante valorajn librojn. Libroj estas amikoj de l' homo, do, esperanto-libro estas kvazaŭ samideano, plej elokventa pruvo pri la florado de l'ideo.

## Turisma Servo

Tiu ĉi servo, kreita jam antaŭ la milito celas kuraĝigi la turismon laŭ diversaj manieroj. Sed ĉefe ĝi okupiĝas pri la propagando turisma, per eldono de samformata gvidfolio aŭ instigi eldoni tian jam ekzistantan nacilingve, en Esperanto.

Vojaĝo al fremdlando estis iam privilegio de monhavuloj. Ĝi fariĝis dank'al modernaj perceptoj, ĝeneralaĵo. La moderna trafiko transformis tute tiun ĉi sferon de homa agado. Kaj ĉar miloj kaj miloj perlaboras sian panon per la multvariaj organizaĵoj kreitaj de la moderna turismo, tiu ĉi fariĝis industrio.

Estas tie ĉi kampo vere pluginda por nia movado. Sed por krei ion seriozan, necesas kapitalo kaj ankaŭ certaj kondiĉoj troveblaj nur en kelkaj landoj. En tiu ĉi direkto troviĝas la kreo de turismaj komisionoj dana, estona, sveda, organizaĵoj okupiĝantaj pri aranĝo de vojaĝoj sub Esperantisma flago. Alie dirite, gajni la neesperantistan publikon al la ideo de nia movado per praktika kaj utila servo.

La eldono de turismaj presaĵoj en Esperanto dum la lastaj jaroj malfortiĝis. Forestas grava lando — Germanujo — kie Esperantismo kaj Turismo trovis ŝatindan atenton !

Aperis dum la jaro 1936 sekvantaj gvidfolioj kaj gvidlibroj :

*Ĉeĥoslovakio:* « Alta Tatro », 32 paĝa broŝuro, Montaro Krkonoŝe (Riesengebirge). Eldonaĵoj de la Fervoja Ministerio, trad. S-ro O. Ginz.

*Aŭstrio:* Belega broŝuro, eldonita de l'Aŭstria Trafika Oficejo, Varboservo de la Ministerio por Komerco kaj Trafiko.

*Italio:* « Ĉu vi konas Italion ? » Riĉilustrita broŝuro, eldonita de la Ente Nazionale Turistiche Ferrovie dello stato.

*Japanujo:* Altformata broŝuro, kun geografia karto (la nomoj kun esp. ortografio). Eldonaĵo de la Ministerio de Ŝtata Fervojaro, Tokio.

*Manĉukuo:* Prospekto laŭ la nun kutima formato, eldonita de la Fervoja Administracio.

La antaŭe cititaj presaĵoj estas eldonitaj deministerioj, kie oficisto scianta nian lingvon prilaboras la fakon Esperanto. La Turisma Servo de UEA havas regulajn rilatojn kun ĉi tiuj oficejoj.

Krom ĉi tiuj presaĵoj aperis gvidfolioj de urboj Bern kaj Ljubljana. Pro la malordo en la pasinta jaro, sekve de la arbitraj decidoj de l'komitato mankas indikoj pri aliaj aperintaj presaĵoj turismaj.

La tuta kolekto de turismaj presaĵoj, aperintaj dum la periodo 1932-1936, ĉirkaŭ sesdek belaj prospektoj estas sendataj kontraŭ repago de l'afranko (1.- Fr. sv.) en respondkuponoj aŭ en puraj poŝtmarkoj samvaloraj de kia ajn lando.

Dum la jaro 1937 aperis jam bela nombro da turismaj eldonaĵoj pri kiuj aperis informo en ESPERANTO. Unuopajn gvidfoliojn la Turisma Servo de UEA sendas senpage laŭ peto.

## Propaganda Servo

El la iniciato de UEA, eldoni normigitan propagandilon en nacia lingvo, rezultis la eldono de la konata varbilo en lingvoj ĉeĥa, franca, finna, germana, hungara, kataluna kaj portugala.

Pro la konataj cirkonstancoj tiu ĉi servo ne estis daŭrigita sub tiu ĉi formo. Tamen aperis lastjare slovaka eldono de tiu ĉi varbilo, eldonita ne de UEA, sed de la Esperanto Asocio en la Ĉeĥoslovaka Respubliko. Ni reprenas tiun ĉi agadon dum la venonta jaro uzante pretajn manuskriptojn.

Sub la Propaganda Servo troviĝas nun la ŝlosiloj de Esperanto. Tamen pri tiu ĉi branĉo de nia agado ni raportos aliloke.

## Ekspozicia Servo

Nenio raportinda. La post-Stokholma komitato kaj direkcio ne interesiĝis pri tiu ĉi servo kaj ne daŭrigis certajn klopodojn jam komencitajn siatempe. La laboro estas ĉefe kolekti kaj kunigi ekzistantan materialon kaj havigi ĝin al niaj aktivuloj kontraŭ repago de la propraj kostoj. Por regula propra bezono, ekzemple por la kongresoj, ni nun starigis modelan ekspozicion, aranĝitan sur tolo kaj kartono kaj servonta por manifestacioj ĉiaspecaj, kie elmontro de esp. materialo havos propagandan efikon. Tiu ĉi ekspozicio « ESPERANTO en la taga praktiko » estas preta nun kaj luebla ankaŭ al eksterlando, kie la doganaj malfacilaĵoj estas venkeblaj. Ĝi kovras pli ol cent kvm, ĝia pezo estas inter 80-100 kilogramoj. Interesuloj informiĝu pri detaloj de luado ĉe UEA.

## Aliaj Servoj

La kreo de novaj servoj estis ĉiam la zorgo de la UEA komitatoj. Ankaŭ la post-Stokholma komitato klopodis en tiu ĉi direkto. Estis entreprenita grandstila klopodado pri reklamado, sed sen videbla sukceso. La kriza tempo kaj kun ĝi la malhelpoj en la internacia trafiko ja neniel favoras tiajn penadojn.

Alia servo provita estis la perado. Ankaŭ ĝia sukceso tro dependas de eksteraj cirkonstancoj nevenkeblaj nuntempe. Ankaŭ ludas gravan rolon la financaj rimedoj, kiujn finance malforta societo kun fiksita karaktero ne disponas.

Inter novaj servoj nun pristudataj troviĝas unu, kiu jam funkcias, kvankam senbrue. Estas tio pri helpo al elmigrantoj, helpo per konsiloj pri ebleco de rifuĝado. La nuna administranto de UEA, laboris dum kelka tempo en registara oficejo kaj precipe sin okupis pri tiu ĉi materio. Li povis jam sukcese interveni en aro da kazoj. Ekzistas en Genève speciala oficejo (Helpo al Elmigrintoj) kies sidejo estas ankaŭ en la Palais Wilson, estonta sidejo de UEA. La ondego de elmigrantoj venantaj de certaj landoj ne malkreskos dum estonta tempo kaj vidiĝas tie okazo por interveni kaj helpi. Detala informo aperos dum venonta agadsezono. Sed jam nun oni povas sin turni al UEA, kiu dank' al tiuj rilatoj kiujn faciligas Ĝenevo, povos helpi kaj konsili.

## La Jaro 1937

Kiam la Provizora Komitato de UEA formiĝis, kaj komencis sian agadon, finis la jaro 1936 (administra jaro de UEA de Novembro al Oktobro). La Provizora komitato do devis fini malnovan jaron kaj komencigi la novan.

Ne koninte la amplekson de la malordo kreita pro la foriro de la antaŭa komitato, la novaj zorgantoj de UEA povis nenion entrepreni ol ekzameni la situacion kaj iom post iom regrupigi la malnovajn fidelulojn.

Konforme al la tasko kiun ĝi donis al si, la Provizora Komitato certigas nur la regulan iron de la kutimaj aferoj, servado al la membroj. Principajn ŝanĝojn ĝi ne faris kaj ne faros, lasonte tion al estonta komitato. Ĝi esperis tamen, transdoni la aferojn al elektita komitato antaŭ la kongreso, kio ne estis eble pro la konfuzo kreita.

Ĝia unua tasko por la nova jaro estis la agadplano kaj la budĝeto 1937. Estas memkompreneble, ke sub nunaj cirkonstancoj ĉio devas esti malmultekosta, modesta kaj minimuma. La budĝeto starigita dum Novembro 1936 antaŭvidas la jenajn elspezojn :

| | Frk. |
|---|---|
| Oficejo : Luo, hejto, purigado | 3.000.— |
| Salajroj por tri personoj | 7.000.— |
| ESPERANTO (laŭ nova formato) | 6.000.— |
| Jarlibro : 240 p. kun sendo | 2.000.— |
| Afranko (Oficejo) | 2.000.— |
| Materialo | 750.— |
| Presaĵoj | 1.250.— |
| Premioj | 500.— |
| Diversaj elspezoj | 1.500.— |
| Tuta sumo | 24.000.— |

Koncerne la enspezojn, la Provizora Komitato nature nenion povis fiksi pro la konataj cirkonstancoj. Por esti en regula kontakto kun la Centra Oficejo, la Provizora Komitato decidis kunveni ĉiumonate, supervidi la aferojn kaj okaze tuj agi kiel postulas prudento kaj neceso por eviti malagrablan surprizon.

Estis decidite, ke por certaj elspezoj de la budĝeto estu uzataj blokitaj bonhavoj en eksterlando laŭ la eblecoj. Ekzemple la Jarlibro 1937 estu presata en Polujo kaj certaj bezonaĵoj de la Oficejo venigotaj el tiuj landoj, kie UEA posedas bonhavon.

Rilate je la gazeto ESPERANTO la Provizora Komitato decidis aperigi ĝin dufoje dum la monato laŭ gazeta formato. Entute estu liveritaj 20 kajeroj dum jaro 1937 kaj kun maksimume cent paĝoj.

Sed kiel ĉefan faron ni menciu, ke ĉiuj anoj de la Provizora Komitato firme konsentis, ke ĉio estu provata por restarigi la Asocion laŭ la bonaj malnovaj principoj : Individua membreco, loka Delegito kaj rekta servado. Amaso da korespondaĵoj kuraĝigaj, ricevitaj ĉe la Centra Oficejo plifortigis la volon por elteni.

Hans Jakob, Administrato.

# 1887 — 1937



# La evoluo de la Literaturo en Esperanto

## La unuaj literaturaĵoj, modestaj, simple presitaj



La Fundamento de Esperanto en 14 lingvoj Krestomatio klasika Libro



La klasikaj tradukoj de D-ro Zamenhof

# La Antologioj : Perloj de nia literaturo


















## El flaviĝintaj folioj — La vojaĝo en Harz de H. Heine

Tra la malfermita pordo de l'salono eniris ankoraŭ kelkaj fremdaj viroj, kiuj anoncis sin esti aliaj grandaj viroj de l'glora ordeno, — la plej granda parto estis angulajaj suspektindaj kolegoj, kiuj kun vasta memkontento tuj komencis difini kaj distingi kaj disputi pri ĉiu paragrafeto de l'Pandektoj. Kaj ĉiam envenadis ankoraŭ novaj figuroj, maljunaj leĝ-instruituloj en antaŭlonge malaperintaj vestoj, kun blankaj longhararoj, kun la vizaĝoj antaŭlonge forgesitaj, kaj tre mirigitaj, ke oni ne rigardis speciale ilin, la glorulojn de l'forfluintaj centjaroj; kaj ili enmiksiĝis siamaniere en la komunan babiladon, pepegadon kaj kriadon, kiu simile al marondado ĉiam pli senorde kaj pli laŭte surdigis la altan diinon, ĝis ŝi perdis la paciencon kaj subite ekkriis per la tono de l'plej terura grandegula doloro: «Silentu! silentu! mi aŭdas la voĉon de l'kara Prometeo; la insultata potenco kaj la muta perforto alforĝis la senkulpan al la turment-ŝtonego, kaj via tuta babilado kaj disputado ne povas freŝigi liajn vundojn kaj rompi liajn katenojn!» Tiel ekkriis la diino, kaj la riveretoj de larmoj ekfluis el ŝiaj okuloj, kaj la tuta aro ekblekis kvazaŭ ĉirkaŭkaptita per la timo de morto, la tegmento de l'salono ekkrakis, la libroj falis de iliaj bretoj, kaj la maljuna Münchhausen vane eliris el sia kadro por ordoni la pacon; oni bruis kaj kriegis ĉiam pli sovaĝe, — kaj mi min savis for el tiu ĉi premanta frenezdoma bruado en la historia salono, sur tiu benita loko, kie staras unu apud la alia la sanktaj figuroj de Apolono de Belvedero kaj de Venero de Medicis. — kaj mi falis al la piedoj de l'diino de beleco, kaj ŝin rigardante mi forgesis la senordan bruadon, de kiu mi forkuris, miaj okuloj trinkis kun ravo la harmonion kaj la amindecon de ŝia altebenita korpo, la greka trankvileco mia kapo kiel ĉielan benon verŝis Febo-Apolono la plej dolĉajn tintojn de sia liro.

Vekiĝinte mi ĉiam ankoraŭ aŭdis agrablan tintadon. La brutaroj iris en la paŝtejon kaj iliaj sonoriletoj sonoris. La agrabla ora suno aperis en la fenestro kaj lumigis la pentrajojn sur la muroj de l'ĉambro. Tio ĉi estis pentrajoj de la milito pro liberiĝo, sur kiuj estis precize prezentita, kiel ni ĉiuj estis herooj, poste sekvis la scenoj de l'ekzekutoj el la tempo de revolucio, Ludoviko XVI sur la gilotino, kaj similaj senkapigoj, kiujn oni ne povas rigardi sen danki Dion pro tio, ke oni trankvile kuŝas en la lito, trinkas bonan kafon kaj havas la kapon, kiu ankoraŭ tre komforte sidas sur la ŝultroj.

Kiam mi eltrinkis kafon, vestigis min, tralegis ĉiujn surskribojn sur la fenestroj kaj ordigis ĉiujn miajn aferojn en la hotelo, mi forlasis Osterode.

Tiu ĉi urbo havas tiom kaj tiom da domoj, diversajn loĝantojn, kaj inter ili ankaŭ kelkajn animojn, kiel oni povas legi en la «Posa libro por vojaĝantoj en Harz» de Gottschalk. Antaŭ ol mi flankiĝis al la granda vojo, mi leviĝis al la ruinoj de l'antikva kastelo de Osterode. Ili konsistas nur el la duono de granda, dikmura turo, kvazaŭ mordetita de kankro. La vojo en Klausthal kondukis min ree pli alten, kaj de la unu el la unuaj altajoj mi rigardis ankoraŭ unu fojon malsupren en la valon, kie Osterode kun siaj ruĝaj tegmentoj vidiĝas el la verda pina arbaro kiel rozo multfolieta. La suno lumis agrable kaj infane. De la konservita duono de l'turo oni vidas tie ĉi majestan postflankon.

Multaj aliaj ruinoj ankaŭ sin trovas en tiu ĉi lando. La Hardenberg ĉe Nörten estas la plej bela. Se eĉ oni efektive havas la koron, kiel ĝi konvenas, en la maldekstra flanko, en la liberala, oni tamen ne povas sin deteni de ĉiaj elegiaj sentoj ĉe la vido de l'ŝtonegaj nestoj de tiuj privilegiitaj rabobirdoj, kiuj testamentis al sia malforta degenerulajo nur la fortan apetiton. Tio ĉi okazis ankaŭ kun mi en tiu ĉi mateno. Miaj sentoj, ju pli mi malproksimiĝis de Göttingen, iom post iom leviĝis, denove en mia animo fariĝis romantike kiel antaŭe, kaj vojaĝante mi deklamis la sekvantan kanton:

Levu vin, pasintaj sonĝoj!
Mia kor', malfermu vin!
Dolĉa kant', maldolĉa larmo
Plende intermiksas sin.

Mi nun iros tra l'pinaro
Kie saltas la river',
Kie cerv' fiera vagas,
Kantas turdo en aer'.

Mi min levos sur la montojn,
Sur la rokojn; tieĉi
Staras la kastelruinoj
En matena sunradi'.

Tie mi sidiĝos teren
Kaj revados en silent'
Pri pasinta majesteco
Pri la belflorinta gent'.

Kovras herb' la turnirejon
Kie la fiera vir'
Ĉiujn venkis kaj meritis
Rekompencon de l'turnir'.

Per heder' balkon' kovriĝis,
Kie staris la virin',
Kiu venkis la venkinton
Rigardinte dolĉe lin.

Ve! La ambaŭ gevenkintojn
Venkis de la mort' falĉil'.
Ĝi nin ĉiujn en la teron
Metos per la sama il'.

Kiam mi trairis ian spacon, mi renkontis junan metiiston, kiu iris el Braunschweig kaj rakontis al mi, kiel la tiean famon, ke la juna duko estis kaptita de turkoj dum sia vojaĝo en la sanktan landon, kaj povis liberiĝi nur per granda elaĉeto. La longedaŭra vojaĝo de l'duko povis aperigi tiun ĉi fabelon. La popolo ĝis nun konservas la tradican fabelan ordon de ideoj, kiu tiel bele esprimiĝas en ĝia «Duko Ernst». La rakontinto de tiu novajo estis submajstro de tajloro, belvida malgranda juna homo, tiel maldika, ke la steloj povis palpebrumi tra li, kvazaŭ tra la nebulaj fantomoj de Ossian, — kaj entute li prezentis nacian strangan miksajon de gajeco kaj melankolio. La lasta eco aperis speciale en la ridindetuŝanta maniero, en kiu li kantis la mirindan popolan kanton: «Skarabo sidis sur barilo, zum, zum!» Tio ĉi estas bona ĉe ni, germanoj: neniu el ni estas tiel freneza, ke li ne povas trovi alian ankoraŭ pli frenezan, kiu lin komprenas. Sole germano povas trasenti tiun kanton kaj ĉe tio ridi kaj plori ĝis mortiĝo. Kiel profunde penetris la vorto de Goethe en la vivon de l'popolo, mi ankaŭ tie ĉi rimarkis. Mia maldika kunvojaĝanto iam kaj tiam kantetis mallaŭte: «Suferplena kaj ĝojplena, estas tamen pens' libera.» Simila aliigo de l'teksto estas ordinara ĉe la popolo. Li kantis ankaŭ kanton, kie suferas «Lottchen ĉe la tombo de ŝia Werther». La tajloro disfluiĝis pro sentimentaleco ĉe la vortoj: «Sola mi ploras ĉe tiu rozujo, kie ofte nin subaŭskultis la malfrua luno! Malĝoja mi eraras ĉe la arĝenta fonto, kiu bruis al io dolĉan feliĉon». Sed baldaŭ post tio li transiris al la petoleco kaj rakontis al mi: «Ni havas en la hotelo de Kassel unu pruson, kiu mem faras similajn kantojn; li povas fari nenian bonan kudron, sed se li havas unu groŝon en la poŝo, li havas ankaŭ soifon por du groŝoj, kaj kiam li estas malsobra, li tuj opinias la ĉielon esti blua veŝto kaj ploras kiel pluva defluilo kaj kantas kanton kun duobla poezio!» Mi deziris klarigon de la lasta esprimo, sed mia tajloreto nur saltetis tien kaj tien sur siaj kapraj piedetoj kaj ripetis konstante: «La duobla poezio estas la duobla poezio!» Fine mi divenis, ke li komprenis la versajojn kun la duobla rimo, t. e. stancojn. — Dume pro la granda moviĝo kaj pro la kontraŭa vento la kavaliro de l'kudrilo fariĝis tre laca. Li faris kompreneble ankoraŭ kelkajn grandajn prepariĝojn por la irado kaj fanfaronis: «Nun mi prenis la vojon inter la piedojn!» Tamen li baldaŭ komencis plendi, ke fariĝis vezikoj sur liaj kalkanoj kaj ke la mondo estas tro vasta; fine li trankvile malleviĝis ĉe unu trunko de arbo, balancis sian delikatan kapeton kiel la malĝojigita ŝafido balancas la vosteton, kaj diris malgaje ridetante: «Jen mi, malfeliĉa ĉevalajo, jam denove estas laca!»

La montoj fariĝis tie ĉi ankoraŭ pli krutaj, la pinaj arbaroj ondiĝis malsupre kiel verda maro, kaj supre en la blua ĉielo fluis la blankaj nuboj. La sovaĝeco de la lando estis kvietigata per ĝia unueco kaj samtempe per ĝia simpleco. Kiel bona poeto, la naturo ne amas krutajn transirojn. La nuboj, kiel ajn kaprice formitaj ili ŝajnas iafoje portas tamen blankan aŭ molan koloreton, harmonie respondantan al la blua ĉielo kaj al la verda tero, kaj tiamaniere ĉiuj koloroj de la lando fandiĝas unu en la alia, kiel dolĉa muziko, kaj ĉiu rigardo en la naturon kvietigas konvulsiojn kaj trankviligas la animon. — La mortinta Hoffmann pentrus la nubojn multkoloraj. — Kiel granda poeto la naturo scias ankaŭ aperigi la plej grandajn efektojn per la plej malgrandaj rimedoj. Ĝi havas ĉiam nur sunon, arbojn, florojn, akvon kaj amon. Kompreneble, se la lasta mankas en la koro de l'rigardanto, tiam ĉio povas prezenti tre malbonan vidon, kaj la suno havas tiam en la diametro tiom kaj tiom da mejloj, kaj la arboj estas bonaj por hejtado, kaj la floroj estas klasifikaciataj laŭ la staminoj, kaj la akvo estas malseka.

Unu malgranda knabo, kiu serĉis en la arbaro branĉajon por sia malsana onklo, montris al mi la vilaĝon Lerrbach, kies malgrandaj kabanoj kun siaj grizaj tegmentoj etendiĝas tra la valo en la interspaco de duonhoro da vojo. «Tie», li diris, «loĝas malsaĝaj kropuloj kaj blankaj negroj», — per la lasta nomo la popolo nomas albinosojn. Inter la malgranda knabo kaj la arboj ekzistis tute aparta interkompreno; li salutis ilin kiel bona konato kaj ili ŝajne respondis bruante lian saluton. Li fajfis kiel fringelo, kaj ĉirkaŭe respondis pepante la aliaj nudaj piedetoj kaj kun fasko da branĉajo en la densejon. La infanoj, mi pensis, estas pli junaj ol ni, kaj ili povas ankoraŭ memori, kiel ili ankaŭ estis arboj kaj birdoj, kaj tial ili scias ilin kompreni; ni do estas jam maljunaj kaj havas tro multe da zorgoj, jurisprudenco kaj malbonaj versoj en la kapo. La tempo kiam ĝi estis alie, revenis vive al mia memoro, kiam mi eniris en Klausthal. En tiun ĉi beletan montan urbeton, kiun oni ne rimarkas pli frue ol kiam oni staras antaŭ ĝi, mi eniris ĝuste kiam la sonorilo sonis dekdu kaj la infanoj ĝoje eliris el la lernejo. La ĉarmaj knaboj, preskaŭ ĉiuj ruĝvangaj, bluokulaj kaj linharaj, saltis kaj ĝojis kaj vekis en mi la malgajan klaran rememoron, kiel iam mi mem, malgranda knabeto, ne povis en la malluma katolika monaĥeja lernejo en Düsseldorf leviĝi de l'ligna benko dum la tuta ĉarma antaŭtagmezo kaj devis elsuferi tiom multe da latina, da bastonado kaj da geografio, kaj poste tiel same senmodere ĝojis kaj gajis, kiam la malnova sonorilo de Franciskanoj sonis fine dekdu. La infanoj vidis laŭ mia tornistro, ke mi estas fremdulo, kaj salutis min tute gastame. Unu el la knaboj rakontis al mi, ke ili jus havis lecionon de religio kaj montris al mi la reĝan kateĥismon de Hannover, laŭ kiu oni demandas ilin pri la kristaneco. La libreto estis tre malbone presita kaj mi timis, ke jam pro tio la religiaj instruoj devas fari tiel same malagrablan sorbpaperan impreson en la animoj de l'infanoj; ankaŭ al mi terure ne plaĉis ke la tabelo de multobligo, kiu danĝere kontraŭdiras al la dogmo pri Sankta Trio, estis presita en la sama kateĥismo sur ĝia lasta folio, kaj la infanoj povas esti danke al tio tro frue logataj al la pekaj duboj. En Prusujo ni estas multe pli saĝaj, kaj ĉe niaj penadoj al la konverto de tiuj homoj, kiuj sufiĉe komprenas la aritmetikon, ni nin gardas presi la tabelon de multopligo post la kateĥismo.

Mi tagmanĝis en la hotelo de «Krono» en Klausthal. Mi ricevis printempe-verdan supon el petroselo, viole bluan brasikon, bovidajon rostitan, tiel grandan, kiel Ĉimborazo en miniaturo, kaj ankaŭ specon de fumitaj haringoj, kiujn oni nomas «bücking'oj», laŭ la nomo de ilia eltrovinto, Wilhelm Bücking, kiu mortis en 1447 kaj pro tiu eltrovo estis tiom honorata de Karlo la Kvina, ke tiu ĉi en 1556 vojaĝis el Middelburg en Biefflied'on en Zeelando speciale por tie vidi la tombon de tiu ĉi granda homo. Kian mirindan guston havas la manĝajo, se oni scias la historiajn notojn, koncernantajn ĝin, kaj manĝegas ĝin mem. Sole la kafon post la tagmanĝo mi ne povis trinki, ĉar ia juna homo interparolante sidiĝis apud mi kaj tiel terure babilegis, ke la lakto sur la tablo fariĝis acida. Tiu ĉi estis juna «commis-voyageur» kun dudek kvin multkoloraj veŝtoj kaj tiom same da oraj sigeliloj, ringoj kaj pingloj. Li elvidis kiel simio, kiu vestis ruĝan jakon kaj diras al si mem: vestoj faras homojn. Li sciis parkere amason da ŝaradoj, ankaŭ da anekdotoj, kiujn li uzis konstante tiam, kiam ili plej malmulte konvenis. Li demandis min, kiaj novajoj ekzistas en Göttingen, kaj mi rakontis al li, ke antaŭ mia foriro de tie aperis dekreto de l'akademia senato, kiu minacante per la puno de tri taleroj malpermesis fortranĉi vostojn al la hundoj, ĉar la furiozaj hundoj dum la hundaj tagoj portas la vostojn inter la piedoj, kaj laŭ tio oni diferencas ilin de la ne furiozaj, se ili tute ne havus vostojn. Post la tagmanĝo mi reprenis la vojon por viziti la minejojn, la fandejojn de arĝento kaj la monerejon.

En la fandejoj de arĝento mi devis kontentiĝi, kiel ofte en la vivo, per la vido sole de l'arĝento. En la monerejo estis iom pli bone, kaj mi povis vidi, kiel oni faras monon. Pluen mi vere neniam povis progresigi la aferon. Ĉe similaj okazoj al mi ĉiam restas nur rigardi, kaj mi pensas, ke se iam la taleroj pluvus de la ĉielo, mi ricevus de ili sole la truojn en la kapo, dume la infanoj de Izraelo gaje kolektus la arĝentan manaon. Kun sento, kie miksiĝis komike respekto kaj ekscito, mi rigardis la novenaskitajn blankajn talerojn, mi prenis unu, kiu jus venis el la presilo, en la manon kaj diris al ĝi: «Ho juna talero! Kia sorto vin atendas! Kiom da bono kaj kiom da malbono vi faros! Kiel vi defendos la malvirton kaj rebonigos la virton! Kiel vi estos amata kaj poste malbenata! Kiel vi helpos luksi, ammakleri mensogi, mortigi! Kiel vi vagos senripoze tra puraj kaj malpuraj manoj daŭre centjaroj, ĝis vi fine, ŝarĝita per ŝuldoj kaj laca pro pekoj estos kolektita kune kun la viaj en brusto de Abraham, iu vin refandos kaj purigos kaj aliformigos por ekzistado pli bona, eble por senkulpa tekulereto, per kiu mia propra pra-nepo malpurigos sian amatan kaĉeton.»

La malleviĝon en du ĉefajn minejojn de Klausthal, «Dorothea» kaj «Karolina» mi trovis tre interesa kaj devas detale pri ĝi rakonti.

En duonhoro da vojo antaŭ la urbo oni atingas du grandajn nigretajn konstruajojn. Tie oni estas tuj renkontata de ministoj. Ili portas mallumajn, ordinare ŝtalebluajn larĝajn jakojn, pendantajn ĝis la ventro, pantalonojn de simila koloro, ledajn tukojn, alligitajn sur posta flanko, kaj malgrandajn verdajn feltĉapojn, tute senbordajn kiel senkapita konuso. En similan kostumon, sole sen la postuko, estas ankaŭ vestata la vizitanto, kaj unu ministo, unu majstro, ekbruliginte sian minejan lanternon, kondukas lin al la malluma truo, simila al la kamena tubo, malleviĝas tien ĝis la brusto, donas regulojn, kiel oni devas firme sin teni je la ŝtuparoj kaj petas lin sekvi sen maltrankvilo. La vojaĝo ne estas danĝera; tamen en la komenco oni ne pensas tion, se oni nenion komprenas pri la minejoj. La speciala sento aperas jam tiam, kiam oni devas senvestiĝi kaj vesti la malluman kostumon de krimulo. Kaj nun oni devas rampi malsupren per sia kvaro, kaj la malluma truo estas tiel malluma, kaj Dio nur scias, kiom longa povas esti la ŝtuparo.

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XI.

*(sekvo)*

Depost 1905 Zamenhof, depost 1906 De Saussure, kaj depost 1920 Hodler — proponis pliinternacian sufikson por landoj. La publiko sekvis. Jam en 1910-1914 estis multaj aŭtoroj kiuj forlasis absurdajn formojn : Aŭstrujo, Peruujo, Palestinujo, Siberujo,... por uzi sole pravigeblajn : Aŭstrio, Peruo, Palestino, Siberio,... Tiu tendenco iom-post-iom vastiĝis, sen perforto, sen agitado, per praktika uzado. Post la milito, Hodler en Genève iniciatis larĝan kaj sisteman uzadon de tiu nova sufikso, profitante sian pozicion de la UEA-gvidanto. Granda sukceso kaj entuziasmo de la publiko respondis al lia iniciativo. Sed tuj, la malnova centro de la oficialaj institucioj leviĝis kontraŭ la juna Ĝenevo.

La batalo ne estis longa. Same kiel en 1909, la atakitoj tuj cedis kaj kelkaj gazetoj, ligitaj iel al la « oficialaj institucioj », revenis aŭ restis je la « ujo ». Tamen la plimulto, precipe laboristoj, sendependaj samideanoj, novuloj ne « disciplinitaj », definitive adoptis la io-sistemon.

***

Je la nomo de Zamenhof oni aliigis la faktojn, kaj ni volis unu foje por ĉiam konstati, kiel li mem pensis. Zorge ni konsultis Zamenhofajn verkojn por vidi kiujn landnomojn li uzis kaj rekomencis uzi — en diversaj epokoj kaj cirkonstancoj. Estis granda nia surprizo konstati, ke Zamenhof sekvis ses malsamajn manierojn nomi landojn. Ian sistemon landnoman li ne havas ĉe la fino de sia vivo; ĉar por ni la vorto **sistemo** signifas harmonian tutaĵon regulitan laŭ fiksitaj principoj; tial ja ni nomas « sensistema » ĉion neregulan, nekonsekvencan, varian. Kun la tuta respekto kiun ni ŝuldas al la Majstro, ni tamen konstatas ke lia tuta uzado de landnomoj fine estis sensistema, kiel tuj vidos la legantoj. Ni trairu do la ses manierojn de landonomado ĉe Zamenhof.

1. En la komenco 1887-1896, regis ĉe Zamenhof konsekvenca sistemo de -ujo, uzata absolute, ne nur por « landoj loĝataj de.... » kiel Francujo, Germanujo, Rusujo, sed ankaŭ por pure geografiaj konceptoj : Galicujo, Moravujo, Stirujo, Slavonujo — malgraŭ tio ke ne ekzistas lingvanoj aŭ rasuloj : galicoj, moravoj, stiroj, slavonoj. Pro la emo ĉion igi regula, Zamenhof aplikis -ujon -eĉ al la radikoj kiuj jam per si mem estis landnomoj : Kanado, Brazilo, Ĉilo, Holando, Irlando, Islando, Portugalo, Japono, Bosnio, Sirio, Palestino. Do, en sia ekstrema sistemigo nia Majstro uzis : Kanadujo, Brazilujo, Ĉilujo, Holandujo, Sirujo, Irlandujo, Portugalujo, Japanujo, Bosnujo, Siriujo, Palestinujo, Bolivujo, Aŭstrujo, Gallujo, Kastilujo, Kroatujo, Leonujo, Meksikujo, Saksujo. Kiel logika sekvo de tio estis, ke Zamenhof citis inter francoj, italoj, aŭstroj — holandojn, irlandojn, siriojn, portugalojn, japanojn, kiel loĝantojn. Escepte, li ne ujigis kelkajn landojn pro konataj motivoj (koincido kun nacia maldeca vorto, ekz. Ĉeĥujo por rusoj, aŭ influo de naciaj lingvoj: Skotlando anstataŭ regula Skotujo).

***

2. Poste, pro la vasta korespondado, kompilado de la adresaroj kun miloj da adresoj, kie landnomoj estis amase kaj praktike uzataj, Zamenhof mem rimarkis nesufiĉan internaciecon de la absolutaj ujo-formoj, trovis internaciajn nomojn, pli mallongajn, pli naturajn. Li do komencas provi la nomojn : Holando, Kanado, Krimo (Krimeo), Monako, Meksiko, Koĥinĥino, Palestino, Tonkino, Argentino, Elzaso, Orango, Malto, Peruo. Studante la adresarojn de la epoko 1896-1904 ni vidas la proceson de la pensa maturiĝo, pli kaj pli kuraĝa, kiu iras de la naciaj : Canada, Elsass, Scotland al la esperantaj : Kanado, Skotlando, Elzaso. Anstataŭ la unuatempaj : Kanadujo, Meksikujo, Alĝerujo aperas : Kanado, Meksiko, Alĝerio.

***

3. En 1902, Zamenhof publike aprobas la sistemon kun-lando, same absolutan kaj nematuran kiel la absoluta sistemo kun -ujo. Tio estis la propono de Paul Fruictier, redaktinto de « Lingvo Internacia ». Kaj kun la Majstra sankcio disfloras stranga serio : Aŭstrolando, Belgolando, Bohemlando, Brazillando, Ĉililando. Hollando, Kanadlando, Meksiklando, Palestinlando, Serbolando, Turklando, k. a. Zamenhof — persone — jam antaŭe uzis dekon da -landoformoj : Skotlando, Estlando, Finnlando, Greklando, Pollando, Franclando, k. a.

***

4. La kvara maniero kun -io aperas timeme jam en la adresaroj. Anstataŭ unuatempaj : Alĝerujo, Moravujo, Galicujo, Silezujo ni vidas en 1903-1904 aperi : Alĝerio, Moravio, Galicio, kune kun la formoj de la Fundamenta Krestomatio : Georgio, Kalifornio. En 1906, Zamenhof rekte proponas la *sufikson* -io- en la verketo « Homaranismo », kie li uzas : Parizio, Peterburgio anstataŭ : Francujo, Rusujo. Fine en 1911, en « Lingvaj Respondoj » li proponas, Brazilio, Ĉilio, Tunisio, Meksiko, Alĝerio. En Esperanta-Rusa Vortaro 1911 li krome uzas : Andaluzio, Siberio, Oceanio, Aŭstralio. De la formo Siriujo en 1908 li evoluas ĝis Sirio en la Biblio 1911-1916, kie ni vidas ankaŭ : Asirio, Samario, Mezopotamio.

***

5. La kvina maniero estis speco de evito rekte nomi la landon : la lando Egipta, lando Kanada, lando Galilea, lando Edoma, lando de Edom, lando de Boab, ktp. kiujn Zamenhof uzis en la Biblio : ĉu pro la deziro sekvi originalan tekston, ĉu por plibeligi la stilon, tion ni ne scias. Tiu evitmaniero de landnomado tamen estis elpensita ne de Zamenhof, sed de la sama Paul Fruictier, kiu inaŭguris la trian sistemon -lando-lando. Efektive, komencita en Julio 1902 tiu -lando- sistemo subite ĉesis en Aprilo 1904, kvazaŭ la redaktinto ekhontis pro la vere monstraj : Kanadlando, Brazillando, Ĉililando. De la Aprila numero la kroniko uzas nur adjektivojn : Rusa, Franca, Angla, Germana, Diverslanda, Sveda, Anglolingva, Germanlingva, Diverslingva. Tia evitado daŭris ankaŭ kun la nova redaktoro de « Lingvo Internacia »; nur en 1910 reaperas : Germanujo... en la Kronika titolo. Ni do rajtas konsideri Paul Fruictier kiel unuan ribelanton kontraŭ -ujo, sed nur al Zamenhof apartenas la honoro enkonduki kaj proponi en la uzon, la sufikson -io.

***

6. La sesa maniero de Zamenhof, lasta kaj eble plej ekstreme natura, estis la uzo de origina nomo sen iu ajn sufikso aŭ finaĵo. Tion li inaŭguras en la Genezo 1911 kaj ĝis sia morto. Li preskaŭ sistemigas tion komencante per la personaj kaj lokaj nomoj : Adam, Habel, Kain, Enos, Lot, Abram, Jakob, Isaak, Aaron, Jafet, Eva, Sara, Lea, Hagar, Rebeka, Raĥel, Atalja, ... Eden, Ararat, Babel, Jordan, Betlehem, **Jerusalem**, Karmel, Kidron, Cidon, Cion, Sinaj, ... kaj fine landoj : Akad, Ur, Elam, Edom, Sidim, Gerar, Nod, Ofir. Vere, ĉar la propra nomo mem enhavas ĉitie la ideon de substantivo, la aldono de -o estus nur pleonasmo, nenecesa balasto peze sentebla en la Biblio kie iufoje sinsekvas dekoj, centoj da nomoj. Diri « Hektor Hodler » kaj « Hektoro Hodlero » estas tute sama. Zamenhof uzis en 1887 - 1889 Georgo Vaŝingtono, Ŝillero, Ŝekspiro. Je la fino de sia vivo li komprenis ke -o ne estas necesa ĉe la propraj personaj nomoj, li do ekuzis : Adam, Noa, kaj la samon li aplikis al la bibliaj landnomoj, preskaŭ absolute.

## Oficiala lingvo

La sole videbla laboro de LK estas eldonado de « *Oficialaj Aldonoj* », radikaroj kun aŭ sen naciaj tradukoj. La Unua Oficiala Aldono aperis en 1909, kun supertitoloj : *Esperantista Centra Oficejo... Esperantista Dokumentaro... Oficiala Parto. Sekcio B : Lingva Komitato. Komisio pri Komuna Vortaro. Direktoro kaj Raportinto...* ktp. Personoj ne gravas, sed estas kurioza tiu amasigo da titoloj, subtitoloj, supertitoloj : oficejo... dokumentaro... oficiala parto... Sekcio... komitato... komisio... direktoro... raportinto... Ok titoloj por broŝuro de 31 paĝoj. Sed ni vidu kion ĝi entenas. 866 radikojn tradukitajn en 5 naciaj lingvoj. El klarigaj notoj la leganto komprenas, ke parto da tiaj radikoj estas zamenhofaj (376), ili estas markitaj per steleto, la ceteraj 490 estas frukto de la komitata laboro. Ni scivolis ekzameni tiujn 490 novajn radikojn oficialigitajn de LK. El ili nur 5 estis nezamenhofaj (aŭtentika, gardenio, sinkopo, skerco, soleo), la ceteraj 485 estas pure zamenhofaj, publikigitaj en pluraj eldonoj : Rus-Esperanto Vortaro 1889, Universala Vortaro 1894, Fundamento de Esperanto 1905 ktp. Konstatinte tian malkorektecon, ni kontrolis la steletmarkitajn radikojn, prezentitajn kiel zamenhofaj. Ankaŭ inter ili ni trovis nekorektaĵojn, ekz. la vortoj komisaro, aŭtentika, narkotika ne estas de Zamenhof, kiu uzis : aŭtenta, narkota, komisario. Do, el 866 radikoj nur 6 estis efektiva frukto de la komitata kvarjara laboro, la ceteraj 866 estis nekorekta kaj nekompleta represaĵo el jam ekzistantaj vortaroj. Konsiderante ke Zamenhof ĝuis aŭtoritaton nekompareblan kun tiu de LK, oni vere demandas sin ĉu la « oficialigo » de zamenhofaj radikoj ion ŝanĝis en la lingva uzado. Centoj da radikoj, milfoje uzitaj depost 1889, do dum dekdu jaroj, ne bezonis alian sankcion : ili estis zamenhofaj, elprovitaj dum dekdu jaroj, centfoje represitaj en multaj naciaj vortaroj kaj tekstoj. Sed tamen restas iom da krea komitata laboro, kiun estus maljuste preterpasi. LK *plibonigis* en 1909 tri zamenhofajn vortojn : komisario, aŭtenta, narkota, proponante : komisaro, aŭtentika, narkotika. Nun en 1931, ni vidas kiel juĝis la vivo tiun flikadon. Niaj plej bonaj verkistoj uzas : narkota, aŭtenta, komisario (kiu cetere harmonias kun : notario, sekretario, impresario). Sed ili nenion sciis pri tiu oficialigado, ili obeis nur al sia sana instinkto, aludita en la 15-a regulo de la Fundamento, laŭ kiu nur radiko estu adoptata, sen finaĵo (teatra -ne teatrala, nacia — ne nacionala, geografia — ne geografika, aristokrata — ne aristokratika, do: narkota laŭ Zamenhof, ne narkotika laŭ la LK).

Se 90 eminentuloj dum 4 jaroj enregistris nur 8 vortojn, el kiuj 4 estis misŝanĝitaj zamenhofaĵoj, la lingva komitata laboro vere devas esti terure malfacila kaj longega. La pluaj « Aldonoj » iom aliaj, preskaŭ sen tradukoj kaj sen klarigoj, prezentas proksimume samen karakteron.

Sed por esti justaj, ni pripensu, ke por la bono de nia lingvo estis multe pli avantaĝe havi nian Lingvan Komitaton, tian kia ĝi ekzistis ĝis nun, t. e. nekompetentan kaj sekve pasivan, nenion kreantan. Estus vere katastrofo, se *tia* komitato eklaborus, kun la celo fari ion konkretan.

La ideo de la « oficiala » administrado de nia lingvo estas unu el plej paradoksaj kaj strangaj entreprenoj, kiuj iam aperis en la movado. Por la naiva publiko ĉio estis en ordo : oni oficiale organizas kongresojn, oni oficiale kolektas kotizojn, do oni ankaŭ oficiale administras la lingvon. Se tiu administrado estus komisiita al homoj spertaj kaj bonvolaj, nur bono rezultus. Reale okazis malo. Oni elektis centon da « eminentuloj » en la Lingvan komitaton, kiel oni elektas en Parlamenton, Urbestraron, aŭ en Komitaton de Pacifista Kongreso, kie neniu faka scio estas postulata, nur fervoro kaj eminenteco. Tiel en la Lingva Komitato troviĝis kuracistoj, inĝenieroj, advokatoj, komercistoj, rentuloj kaj makleristoj, sed ne spertuloj. Kaj poste, la esperantistaro trankviliĝis kun la penso ke la afero de la lingvo estas en bonaj manoj... en la manoj de Lingvakomitatanoj. La publiko volonte akceptis, pro sia senlima fido, ke ĉiuj membroj de la Lingva Komitato estas kompetentaj gvidi la lingvan evoluon... ĉar ili ja estas Lingvakomitatanoj, do io kvazaŭ « lingvistoj ».

Kiam la Lingva Komitato estas deklarita « oficiala institucio », evidentiĝis ke tiu titolo sufiĉas por ke ĝi havu necesan aŭtoritaton, konvenan dignecon, al kiu obeas la esperantistaro. La lingva studo, kolektado kaj kontrolo de vortoj, serĉado de internaciaj formoj, k. a., tio ĉio montriĝis nenecesa lukso, kiu povus nur embarasi la glatan funkciadon de la LK. Pro malfeliĉa koincido, la plej studemaj pioniroj — De Saussure, Moch, Sentis — montriĝis reformemaj kaj tiel kreiĝis stranga impreso, ke la lingva studo estas io danĝera, herezema kaj suspekta. Post la milito, do, la LK definitive ekmarŝas la vojon de oficiala disciplino. De tiam sufiĉas firma deklaro, aŭtoritata ordono, por likvidi ĉiujn problemojn de la lingvo. Kontraŭ la Zamenhofa principo de la kompara studo — stariĝis la oficiala dogmo de la senerara aŭtoritato, kiu eldiras dekretojn, sen prepara studo kaj precipe sen libera diskuto. Neniam oni vidis tiom akran kontraston inter la althoma larĝa spirito de Esperantismo, demokrata, klera, liberema kaj la oficiala burokrateco de la Akademio Esperantista.

Fidela spegulo de la vivo — la lingvo — dolore reflektas tiun kontraston, kies morgaŭan aspekton neniu antaŭvidas.

## Izoleco de Esperanto

En aplika sfero la Esperanto-movado senĉese kontaktas kun internaciaj asocioj, kongresoj, parencaj movadoj. Sed Esperanto kiel lingvo, kiel interna sistemo, restas severe ŝlosita, ĉirkaŭmurita, kvazaŭ minacus ĝin eksteraj malamikoj. En 1887 tio estis pro la timo antaŭ Volapük. En 1908 pro la timo antaŭ Ido. Post la milito, tiu izoleco daŭras, kvankam ne plu estas motivoj por ĝi.

La kosmoglotiko, la kompara lingvistiko povus utili al nia propra lingvo, se nia izoleco ĉesus. Malsamaj vojoj ne devas malpermesi amikajn rilatojn inter diversaj mondlingvaj movadoj, el kiu kelkaj, materie etaj, tamen portas grandajn valorojn. Ni sincere konfesu ke nia lingvo bezonas daŭre konstruiĝi, ke ĝia « oficialigo » en nuna stato estas kaŭzo de konfliktoj kun la scienco. El la nuna kaoso ni rapide eliru al la ordo, klero, lumo.

La unua ideo de Zamenhof nun denove reaperu : Esperanto estu facila per sia reguleco, klara per sia simpleco. La peza amaso da naciaĵoj, kapricaj formoj, troaj esceptoj, kiuj nun formas la « klasikan oficialan Esperanton » — farante el ĝi specon de nacia lingvo, kiel apartiĝis Esperantismo kvazaŭ speco de nacia ŝovinismo — tiu peza kiraso estu forigita.

(Daŭrigo sekvos).

# Venu vidi Varsovion! Varsovio vokas vin.

*Bela virino estas feliĉa, se oni admiras ŝiajn historiajn konojn.*

***

*Viroj faras malspritaĵojn pro amo, virinoj pro malamo.*

***

*Ŝi estas mia, diras amanta viro. Mi estas lia, diras amanta virino.*

***

*Adam kaj Eva ne tre ĝojis inter si, ĉar ili ne havis rigardantojn.*

## Turisma servo

### Al Vieno dum ĉiuj sezonoj

Belega artkolore presita prospekto riĉe ilustrita varbas por Vieno. Ĝin eldonis la Fremdenverkehrsstelle der Stadt Wien, Mariahilferstrasse 2, Messepalast.

### Varna

Denove la Banloka Direkcio de la « *Reĝino de l' Nigra Maro* » eldonas belan faldprospekton ilustritan kaj arte aranĝitan.

### Gdynia

La packontrakto 1919 konfirmis la sendependiĝon de la Pola Respubliko en la historiaj limoj (grandparte). Ĝi konsentis al Polujo aliron al la maro. Proksime de Libera Urbo Danzig estis kreita marhaveno Gdynia, plej grava transitloko por Polujo. Pri ĝi informas bele presita, 12 paĝa gvidlibreto ornamita per bonegaj bildoj.

### Kraków

Krakovo estas bone konata inter la Esperantista publiko. Jam dufoje ĝi gastigis la kongreson, 1912 kaj 1931 kaj la partoprenintoj konservas bonan memoron pri ĝi. Arta gvidlibro refreŝigas tiun ĉi memoron al belaj horoj, kaj invitas ree viziti ĝin.

### Varsovio

Varsovio estas, kiel prave diras F-ino Lydia Zamenhof, la Medino de Esperanto. En Bialystok kristaliĝis la ideo, en Varsovio ĝi fariĝis realajo. Tie vivis la kreinto de Esperanto laboris, suferis kaj .... esperis. Kvindek jarojn post apero de la modesta broŝuro UNUA LIBRO kunvenas en Varsovio la Esperantistoj.

Gvidlibreto laŭ la kutima nuna formato kun deko da bildoj provas doni ideon pri Varsovio. Speciale por Esperantistoj estas enmetita bildo pri la Tombo de D-ro Zamenhof, memortabuloj ĉe la domoj de la Majstro, de Antoni Grabowski kaj la strattabulo je honoro de la kreinto de Esperanto.

### Vilno

Egale en la sama serio aperis gvidlibro pri Vilno, hejma regiono de Marŝalo Pilsudski.

---

La serion de la kvar polaj gvidlibroj eldonis *Ligo por Protekto de Turismo*, str. Mokotowska 61, Varsovio kun apogo de diversaj lokaj organizaĵoj turismaj.

Ili estas sendataj senpage kontraŭ unu respondkupono por la afranko de Universala Esperanto Asocio, Turisma Servo, Genève.

### Internacia foiro Marseille

Dum la dua dusemajno okazos en Marseille la jam bone konata foiro, mediteranea kaj kolonia merkato. Malgranda prospekto, glumarko kaj multkolora afiŝo en Esperanto varbas por ĝia vizito.

### Internacia Specimena foiro Rio de Janeiro

La Direkcio de Turismo kaj Propagando jus eldonis tre interesan mur-afiŝon (0m,70/ 0m,45) kun teksto en la ĉefaj lingvoj kaj ankaŭ en Esperanto pri la 10a Internacia Specimena Foiro de Rio-de-Janeiro, ĉefurbo de Brazilo. La Sekretariejo de la Foiro ĝin disdonos al la ĉefaj esperantaj asocioj kaj gazetoj. Kiu volos ricevi senpage la esperantan eldonon, bonvolu sendi ilustritan poŝtkarton al : « Diretoria de Turismo e Pripaganda. Avenida das Naçoes. Rio-de-Janeiro. Brasil. ».

Estas en preparo bela ilustrita prospekto pri la proksima Foiro kun 32 ilustraĵoj kaj ĝia ĝenerala plano. Bonvolu de nun peti ekzempleron de la esperanta eldono.

## Visitu Ĉeĥoslovakion

**ĉeĥoslovaka esperantistaro vin atendas**

Kiel ni informis en pasinta numero de ESPERANTO, la ĉeĥoslovaka Ministerio de Komerco eldonis denove tre belan gvidlibron pri Ĉeĥoslovakio, sub la supra titolo. Ekzemplero de tiu ĉi eldonaĵo estas sendata kun tiu ĉi numero. Personoj ne estantaj Membroj ricevantaj la gazeton kaj ne-kongresanoj povas ricevi senpage ekzempleron de Universala Esperanto-Asocio, Turisma Servo, Genève.

## Ĉeĥoslovaka poŝtmarko



(Kliŝo pruntita de Neue Zürcher Zeitung)

La verda du-krona poŝtmarko de Ĉeĥoslovakio prezentas poŝtan novaĵon : nome, ĝi havas afrank-valoron en ĉiu el la tri landoj de l'« Malgranda Konkordo » (Petite Entente), Ĉeĥoslovakio, Rumanujo kaj Jugoslavio. La surskribo « Petite Entente » sub la nomo de la eldoninta lando Ĉeĥoslovakio kaj la tri kunligitaj cirkloj inter la valor-ciferoj substrekas la volon pri kuniĝeco, kiu estas aparte elstara ĉe tiu ĉi poŝtmarko.

## Antaŭkongreso en Praha

5-6 Aŭgusto 1937
(2-a informo)

Programo.

Ĵaŭde 5. VIII. : akcepto de la gastoj tuj en la stacidomo. /Anoncu la horon de via alveno/. Vizito de la vidindaĵoj de Praha. Amika vesperaranĝo kun iom da programo.

Vendrede 6. VIII. : Kunveno por honori la 50 jaran jubileon de Esperanto. — Vizito al la urbdomo. — Akcepto ĉe la urbestro de Praha. — Tagmanĝo. — Posttagmeze dua vizito tra la urbo.

Vespere forveturo je la 23.03 al Varsovio /alveno tien sabate je la 12.48 horo/.

Neniu speciala kotizo. — Fervoja rabato por kongresanoj. — Necesas nur: Informi pri la horo de via alveno kaj pri la ĉambro dezirata (unulita jam por 5 sv. fr., dulita 10 sv. fr.).

Senpagajn esp. broŝurojn pri Ĉeĥoslovakio kaj ĉiujn detalajn informojn sendas.

Prepara Komitato
Praha 47 — Uralské 9.

### Ferioj

Pri ferioj skribu al la International Friendship League (Internacia Amikeca Ligo) 13 Tanstock Square, London W. C. 1.

## Ĉeĥoslovakio parko de Eŭropo

La respubliko Ĉeĥoslovaka estas lando tre interesa ne sole laŭ vidpunkto historia, sed ĝi okupas unu el la unuaj lokoj en la monda konkuro pri naturbelaĵoj kaj turismaj vidindaĵoj. Ne sen kaŭzo ĝi en ŝtata himno nomiĝas « *lando paradiza* ».

*Escepte la maron, Ĉeĥoslovakio posedas ĉion, kio interesas fremdan turiston :* malnovan historion, kiu speguliĝas en la ĉefurbo Praha, en vico de lokoj, urboj kaj kasteloj kaj en ĝiaj historiaj, artaj kaj arkitekturaj vidindaĵoj, grandan nombron de mineral- kaj kuracfontoj kun multcentjara tradicio; ĉi tie troviĝas montegaro « Alta Tatra », stalagmitaj grotoj kaj subteraj labirintoj, kolorriĉaj naciaj kostumoj pruvantaj eksterordinaran popolarton, montararbaroj kun hoteloj, belaj rivervaloj kaj sennombraj ekskurslokoj taŭgaj por refreŝiĝo kaj somera restado.

En Ĉeĥoslovakio estas krome multaj specialaj entreprenoj industriaj, sciencaj kaj kulturaj, ankaŭ centroj de vintraj sportoj kaj kelkaj specialaj teritorioj riĉaj por ĉasado. Ĉiujare okazas ĉi tie interesaj ekspozicioj, sportaj, muzikaj kaj folkloraj festoj, foiroj, kongresoj.

# Poŝtmarko kun teksto en Esperanto honore al Jubileo 1887-1937

La jena letero estis adresita al LKK en Varsovio :

Estimataj sinjoroj kaj samideanoj.

Kun granda ĝojo ni skribas al vi, por informi vin, ke Sinjoro Ministro por Trafiko de nia lando decidis eldonigi baldaŭ novan oficialan poŝtmarkon kun teksto en Esperanto, kiel memorigaĵon pri la Ora Jubileo de la helpa lingvo. Tiu ministro, tre simpatianta Esperanton kaj jam konsentinta la eldonan de la poŝtmarko memore de nia 9a Brazila Kongreso de Esperanto, estis tiel bone impresita de la granda sukceso de tiu laste nomita poŝtmarko, ke li ne dubis aperigi novan, kiu kredeble aperos antaŭ la Varsovia Kongreso.

Mi vin respekte salutas kaj subskribas
tute via (s.) Dr. Porto Carreira Neto
Ĝenerala Sekretario.



Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,
Red. : Provizora Komitato de U E A

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)

Dato : 25 Julio 1937